XXVI-a jaro. — Nº 353 (1). Monata Januaro 1930.

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## ESPERANTO KAJ ARTO

« Eble taŭga por komerco kaj tekniko, sed ne por belo kaj arto ! » Kiom da fojoj vi jam aŭdis tion de homoj, neniam aŭdintaj eĉ unu parolon en Esperanto. Ilia nombro tamen malgrandiĝis pro la disvastiĝo de Radio-aŭdado, kiu ebligis milionojn konstati la belsonecon de la lingvo. Inter parentezoj, *tial* estas grave elekti kiel eble plej bonajn elparolantojn por tiu propaganda tasko.

Iom incitita pro la ofta mencio de Esperanto en radio-programoj, unu kontraŭulo diris iam : « Ni havas eĉ pli bonan mondlingvon, tio estas arto. Kiam ĉiulandanoj aŭdas nian Radio-Stacion elsendi sonaton de Beethoven, ili ne bezonas alian helplingvon. »

Prave, muziko estas mirinda unuigilo de popoloj, sed iom da klarigo kaj nomado pri aŭtoroj kaj artistoj ne malhelpas, kaj tie helplingvo estas urĝe bezonata. Ankaŭ arkitekturo, skulptado, pentrado povus formi por la popoloj mirindan komunan trezoron de internacia kulturo, ĉar tia lingvo estas tuj komprenebla per okuloj. Bedaŭrinde ne ĉiuj homoj povas vojaĝi kaj ĝis nun kinematografo ne multe helpis tiurilate. Ni esperu, ke televidado baldaŭ kompletigos efike radio-aŭdadon.

Tamen ĉiuj artoj estas ligitaj unu al aliaj. Por formi kulturon, ne sufiĉas oreloj kaj okuloj. La sentoj kaj pensoj trovas la ŝlosilon en literaturo. Bedaŭrinde tiam ekstaras la lingva barilo, kiu dispecigas la trezoron laŭ diversaj nacioj.

Tio estas ja unu el la plej belaj uzoj de Esperanto : ebligi ĉiun popolon alporti kaj klarigi sian partoprenon en la komuna trezoro de belarto, ne nur per tradukoj de siaj literaturaj ĉefverkoj, sed ankaŭ per originaloj kaj interalie per historio kaj konigado de siaj aliaj klopodoj al la belo.

Kiom malmulte ni scias pri la plej esenca, la plej vasta el tiuj klopodoj, la popolarto ? Nia scio limiĝas al nia propra lando, ĉar ni ne povas penetri trans lingvaj bariloj, aŭ ĉiuokaze ne trans ĉiuj.

Kia surprizo, kia ĝojo, kiam esperanto alportas al ni lumon pri kostumoj aŭ brodaĵoj de tiu aŭ alia malgranda nacio aŭ pri nekonitaj historiaj konstruaĵoj kaj informas nin kiamaniere unu aŭ alia ŝtato prizorgas por ilin savi el detruo !

Ni ŝatas admiri, ni ŝatas simpatie sekvi tiujn klopodojn, ni ŝatas senti, ke ankaŭ ni kune posedas ĉion belan en la mondo kaj tial estas duoble samfamilianoj. Eble ni kredis, ke nur nia nacio havas tiom da belaĵoj kaj jen ni malkovras aliajn riĉaĵojn de la homaro. Tio igas nin ĉiujn multe pli riĉaj.

Kia plezuro, kia ĝuo, kiam Esperanto malkaŝas al ni eĉ iom el la animo de malproksima insula popolo aŭ eĉ de nia tuja najbaro kaj ni rekonas, sub ĉarma tipa koloro, tamen saman korbaton kiel en nia propra brusto : ni estas ĉiuj homoj !

Milfoje benata estu la memoro de la granda spirito, kiu ebligis nin tiel ekposedi per amo kaj admiro la tutan mondon, lernante respekti ĉiujn popolojn kun iliaj sopiroj kaj kreaĵoj ! Ĉiuj Esperantaj verkoj aĉetitaj la 15 Decembro dum festoj al memoro de D-ro Eamenhof estu kaŭzo pli laŭdi lian genian iniciaton.

Kiu nun kapablus, ne pretendi, sed pruvi ke Esperanto ne povas esprimi sentojn ? Se tiel estus, jam de longe ĝi jam dormus en tombaro de mortintaj sistemoj. Sed la vivo ĝin kaptis kaj blovas antaŭen. Estis mia tasko dum la du lastaj vintroj esplori ĝuste la ludon de la sentoj kaj la espriman povon en Esperanto. Tiu studo baldaŭ aperos. Kion konstati ?

Ke vigle, vive, vole, nevole la sentoj agas, premas, saltas, fleksas la klare travideblan kadron de nia lingvo kaj neniam konsentas al silentigo de l'esprimmanko. Ili postulas kaj sukcesas ĉiaman kaj tujan kontentigon de sia fantazio kaj kreas al nia lingvo abundan trezoron da esprimiloj el ĝia propra fundamento. Kaj tiu klara bazo ne rompiĝas sub la flekso. Male ĝi floras kaj koloras siajn fruktojn per klareco kaj trafeco. Sed pri tio poste...

Al ĉiuj legantoj ni deziras el koro feliĉon en la nova jaro kaj sukceson en ĉio bela kaj bona, kion ili entreprenos. Trans maroj kaj spacoj nia penso flugas kaj igas nin proksimaj. Edmond PRIVAT.

## ARTO KAJ NATURO

# La skulptarto de Epstein

Arkitektaj kaj artistaj rondoj en Londono akre diskutas pri la du grandaj skulptaĵoj de Epstein por la nova domego de la subtera fervojaro en la angla ĉefurbo. La « Manchester Guardian » publikigis multajn polemikaĵojn pri tiuj du gigantaj figuroj « Nokto » kaj « Tago », pri kiu lasta ni pruntis bildon por meti sub la okulojn de niaj legantoj la objekton mem de la disputo. Neniu neos, ke li aspektas grandiozaj, eĉ se oni ne estas « samgustano » de Epstein.

Cetere lia nuna gloro neniel suferas de tiu vigla disputado pri lia arto, kontraŭe. Estas plej kredeble, ke post dudek jaroj ĝi jam estos klasika, same kiel la pentraĵoj de Ferdinand Hodler. Kiuj vidis en Palerma Muzeo la primitivajn skulptaĵojn trovitajn sur ruinaĵoj de l' antikvaj siciliaj temploj de la plej frua greka epoko, tiuj certe rememoras ilin vidante la figurojn de Epstein.

La skulptisto havas miksitan orientan kaj usonan devenon. Li naskiĝis en New York en 1880 de hebreaj gepatroj el orienta Polujo. Studinte en la Arta lernejo en New York kaj poste en Parizo, li ekloĝis en Londono en 1905 kaj iom post iom famiĝis tie ĝis la nuna granda rekono kaj eĉ laŭmodeco. Jam oni lin akre atakis en 1908, kiam li dekoraciis la fronton de la Domego de l' Brita Medicina Asocio sur Strand en Londono. Sed nun svarmas la mendoj. Kiuj ne timas tro realistan reprezenton de sia vizaĝo, tiuj lasas skulpti sian buston deper Epstein.



LA NOKTO
*(Reproduktita kun permeso de gazeto « Building ».)*

En *Manchester Guardian* Epstein mem klarigis per intervjuo la celon kaj koncepton de siaj « Nokto » kaj « Tago ».

« Estis mia ideo igi ilin la temoj de la du grupoj super ambaŭ eniraĵoj de la domego. Sufiĉe da tempo necesis por alveni al tio, ĉar mia unua ideo estis iel esprimi en la skulptaĵoj la trafikon, la pasadon de l' amasoj tage kaj nokte tra la stacioj kaj la movadon de l' vagonaroj. Sed mi ne povis trovi reliefan koncepton por tio kaj mi pensis je Tago kaj Nokto — elementaj figuroj — por la ĉefoficejo de la subtera trafiko en Londono...

« Nokto » frontas Nord-Okcidenton kaj ne ricevas sunlumon. Ĝi devis tial esti profunde eltranĉita, ĉar ne ekzistas tie sama pezo de ombro kiel sur la suna flanko, kie staras « Tago ». Kiam mi estis prilaboranta « Tagon », mi ĉiam staradis en sunlumo, kiam ĝi brilis. « Tagon » mi skulptis unue. Poste « Nokton ».

Estas malfacile priskribi skulptan ideon, ĉar ĉia arto devas paroli propran lingvon. Nu, « Nokto » estas patrina figuro kun ŝia ido-homo laca kaj dormanta sub ŝia protekto kaj beno. La kurbigitaj horizontaj linioj de la grupo esprimas dormon kaj ripozon falantaj sur lacan homaron. La kuŝanta figuro estas plenaĝulo, sed la kapo estas nemulte modelita. Mi volis konservi simplan kernon kaj lasi nenion, kio for-distrus de la ĉeflinioj de la desegnaĵo.

« Tago » estas figuro patra en Naturo kun la ido-homo rigardanta al lumo, sed ankoraŭ tenanta sin je la patro. La bruston kaj brakojn de l'infano oni kritikis kvazaŭ malnaturaj. Ili ne estas tiaj. Ilia pozicio estas tute ebla. La kruroj de la patro estas drapumitaj el flankoj. Tiel estas diferenco inter ilia aspekto kaj tiuj de l' infano. Mi ne pensis pri la patra figuro kiel suno, sed verko skulpta aŭ muzika aŭ pentra ĝenerale elradias variajn signifojn al la publiko. »

Respondante al kritikoj, Epstein aldonas: « Ĉu ne venis tempo ke ni ĉesigu tiun klaĉadon pri « kulturado de la malbelo? » Neniu celas malbelon. Mi ne estas certa, ke ĉiu ajn celas belon. Artisto klopodas esprimi sin kaj se li estas sufiĉe artisto, li trovas la belon sur la vojo al sinesprimo. Sed li ne « serĉas la belon ». Ne tiel oni trovas ĝin. »

# NEDERLANDA ARTO

Ni donas ĉi sube tradukojn el belaj paĝoj de la du famaj francaj filozofoj de Historio *Michelet* (1798-1874) kaj *Taine* (1828-1893) pri Nederlando kaj ĝia pentrarto dum la XVIIa centjaro.

## J. MICHELET

Kial Descartes pli ŝatis la nubojn de Nederlando ol la suno de Turanio? Demandu al Rembrandt. Estas li, kiu ankoraŭ hodiaŭ sentigas la varmon de la benita hejmo, kie penso libera, sin mem ĝuante kaj sin rigardante ĉe la lumo de interna pripensado, vidis cent aferojn profundajn, nevidatajn de l' ĉiela tagbrilo.

(Sekvo sur dua kolono.)

Ĉe tiu nederlanda hejmo, ĉe ties kurtuŝa lumo, ŝajnas kvazaŭ la naturo mildigita, sin liveris eĉ pli volonte. Ĉi malkaŝas al Swammerdam la sekreton de l'humiliaj vivoj kaj de iliaj disvolviĝoj. Ĉi malkovras al Graaf eĉ alian senlimaĵon, la misteron de doloro, el kiu konsistas la virino, ŝia ĉarmo kaj sopiro. Kiu poezio sin trovos pli poezia ol ĉi tiu? Kiu imagaĵo eltenos kontraŭ tiuj ravoj de l' simpla vero?

Rembrandt ja scias, ke li ne bezonas imagi vanajn mirindaĵojn. Li turnas la dorson al fantazio. Malnecesas al li la diabloj de Milton aŭ Titanioj de Shakespeare. Familio, lumradio, eĉ ne radio, sed lasta brileto de l' mortanta fajro: per tio li kaptas la koron.



*Portreto de S-ino Müller-Hess el Zürich*
*pentrita de la fama nederlanda majstro Cuyp* (1650).
La originalo estas aĉetebla por muzeo aŭ kolekto. Sin turni al UEA por informoj.

En unu el tiuj pentraĵoj, la maljuna sinjorino aŭskultas aŭ ekdormas, la juna legas el le Biblio; inter ili la infano kuŝas en lulilo, Sed kie estas do la patro? For. Eble en Indio. Kaj se li dronus, kio fariĝus el tiu dolĉa nesto, tiel bele aranĝita de du virinoj? Vere 'mi sentas min maltrankvila. La ventoj de maro muĝas apude... aŭ eble mi jam aŭdas eĉ pli sovaĝan oceanon, la teruran invadon.

Tio min malkvietigas, pensante pri la venonta milito, ke la vera hejmo, la domo, la interno, ekzistis tie multe pli ol aliloke. Kaj tio estas minacata! la domo ĉion montras...

Kia domo? Ofte tre malriĉa, sed ĉiam tre bonkora: pajlotegmento kun cikonio kaj hirundnestoj, la simpla velboato, la dikventra nederlanda barko, kiun mokas malsaĝuloj (kiu komprenas feliĉon?) Ĝi tamen iras, tiu barko plenplena (edzo, edzino, infanoj, hundoj, katoj, birdoj). Ĝi iras, iradas, malrapide, pace, tra la plej danĝeraj maroj; eta mondeto harmonia, tiel kontenta pri si mem, ke ĝi eĉ ne urĝas alveni! (El « Historio de Francujo », dua libro, milito kontraŭ Nederlando).

**H. TAINE**

Ni vidu la privatan pentrarton, tiu, kiu ornamas la domojn de privatuloj kaj alkonformiĝas al kondiĉoj kaj ecoj de l' aĉetantoj ambaŭ per amplekso kaj per temoj. « Ne ekzistas tiel malriĉa burĝo, ke li ne volus posedi pentraĵojn abunde. » Tiel asertis Parival.

Bakisto pagas ses cent florenojn por unu bildo deper Van der Meer el Delft. Kune kun ekstera pureco kaj interna komforto, tio estas ilia lukso. « Ili ne bedaŭras tie la monon, kiun ili pli volonte ŝparas je manĝ' elspezoj. »

Tie reaperas la nacia instinkto, tia, kia ĝi sin montris dum unua epoko ĉe Van Eyck, Quentin Massys kaj Lukas el Leyden. Kiom ĝi postulas kaj instigas, tio estas la bildado de l' reala homo kaj reala vivo, tiaj, kiajn vidas ilin la okuloj: urbanoj, kamparanoj, brutaro, butikoj, hoteletoj, loĝejoj, stratoj kaj pejzaĝoj.

Ne necesas ilin aliformigi por ilin nobligi; sufiĉas, ke ili ekzistu por esti indaj je intereso. Naturo mem, kia ajn, ĉu homa, ĉu besta, ĉu vegetala aŭ senmova kun ĝiaj malregulaĵoj, detaloj aŭ mankoj, pravas esti kia ĝi estas. Tuj kiam oni komprenas ĝin, oni ĝin amas kaj ĝojas vidi.

Arto celas ne ŝanĝi, sed interpreti. Per simpatio ĝi igas la naturon bela.

Tiel komprenite, pentrado povas bildi hejmestrinon ŝpinantan en la dometo, lignaĵiston puŝantan sian rabotilon sur la stablo, kuraciston bandaĝantan unu brakon de vilaĝano, kuiristinon enpikantan sian kokinaĵon, riĉan sinjorinon lavontan, ĉiajn internojn hejmajn, de mizerejo ĝis salono, ĉiajn tipojn, de la ruĝuma kapaĉo de dika drinkulo ĝis la trankvila rideto de boneduka fraŭlino, ĉiujn scenojn de la vivo, ĉu eleganta, ĉu kampara; jen kartludo en ĉambro kun muroj ornamitaj per oraj ŝildoj, jen manĝego de vilaĝanoj en nudmura hotelaĉo, jen glitantoj sur frostita kanalo, jen bovinoj ĉe la trinkejo, barkoj sur maro kaj la tuta senlima diverseco de l' ĉielo, teroj, akvo, nokto kaj tago...

Same pri portretoj. Paca kaj feliĉa harmonio elradias de ĉiu el tiuj verkoj; oni ripozas ilin rigardante. L' animo de l' artisto, ĝuste kiel l' animo de liaj bildpersonoj, ĝuas ekvilibron. Oni sentus sin agrable en lia pentraĵo. Oni vidas, ke li ne imagas ion transe. Ŝajnas kvazaŭ li estus kontenta vivi, samkiel liaj figuroj. La naturo aspektas al li bona. Al ĝi li emas aldoni nur ian aranĝeton, koloron ĉe koloro, ian lumaĵon, ian elekton de sinteno. Al ĝi li sentas kiel feliĉa Holandano al sia edzino: li ne deziras ŝin alia. Li amas ŝin pro korkutimo kaj pro intima konkordeco; maksimume, ĉe tiu aŭ tiu ĉi festotago, li petos ŝin meti ŝian ruĝan robon anstataŭ la blua.

(El « *Filozofio de Arto* ». Libro II, ĉapitro IV.)

Trad. Edm. PRIVAT.

## Historiaj Monumentoj en Francujo

En nia venonta numero ni presigos artikolon pri tiu ĉi temo, speciale verkitan de unu el la komisiitaj arkitekturistoj de la franca ŝtato, por montri kiamaniere oni organizis la konservadon kaj savadon de belartaj trezoroj en tiu artriĉa lando.

 **SOCIA VIVO** 

## Malaperanta figuro en la oficejo

La oficeja laboro restis dum longa tempo kvazaŭ oazo meze de supermekanikigita moderneco. Antaŭ la oficejo — maŝino kaj raciaj metodoj haltis. La progreso hezitis eniri tiujn kvazaŭ sanktajn murojn, dume ĉie nova spirito enpenetriĝis. Ĝis iu tago la glacio rompiĝis. Malaperis unue la kopipreso. Impertinente eksonis la skribmaŝino, malbenita pro la bruo en la iam kvietaj haloj. Post la skribmaŝino venis aliaj. En la bruo de la skribmaŝino intermetiĝas la monotona susuro de elektra motoro, funkciiganta kalkulmaŝinon. Fermante la okulojn en granda oficejo oni facile povas sin kredi en fabrika laborejo anstataŭ en kontoro.

Netuŝita restis tamen unu sanktejo. Neniu sonĝis je maŝina procedo. Pacience kaj ĝistede plenumis oficisto manipuladon ĝis nun konsideritan kiel spirita laboro. Estas la librotenado. Regis tie ankoraŭ sonkonteste la inko, la manskribado, la libro. Neniu skribmaŝino povis esti uzata per enskribi en tiuj gigantaj libroj, la Debitor — kaj Kreditorfoliegoj, la ampleksaj amerikaj taglibroj. Nur manskribo povis tion fari kaj la librotenisto sin barikadis malantaŭ siaj libregoj kontraŭ ĉiu nova instalo.

Nova devizo venis de Usono. Maŝina librotenado! La librotenisto ridetis suverene... ĝis la anoncita maŝino venis. Hodiaŭ tiu ĉi teknika miraklo transformis la librotenadon de l' fundamento. Tiu ĉi diabla maŝino skribas, kalkulas, montras la saldojn, haltiĝas aŭtomate, kiam la skribisto eraras. Samtempe taglibro, kontoslipo, admonslipo, ĉiuj samtempe.

La kontokorent-librotenisto fariĝas superflua, ankaŭ la kondukanto de l' taglibro. Frapo unufoja kaj la dezirata enskribo troviĝas same sur ĉiuj slipoj. La tutan laboron plenumas junulo, kiu okupiĝas pri la maŝino kaj fraŭlineto kiu enŝovas la kartojn. La altaj pupitroj kaj seĝoj malaperas. Trankvileco ĉesis. La frapado de la librotenad-maŝino estas la takto de nova tempo.

La malnova tipo de l' librotenisto malaperas. Almenaŭ laŭnombre. Tiu tipo de oficisto, kiu unuigis en si belan manskribon, pedantan precizecon kaj plej puran laboradon. Tiu, kiu matene pintigis zorgege krajonon, kontrolis la plumojn, aranĝis la sorbilon. Tiu, kiu kun matematika certeco metis punktojn sur la unuo kaj kiu precize je sama horo konsumis sian buterpanon. Tiu-ĉi tipo, kiu per sindonemeco pentris la nomojn super la kontoj, kvazaŭ tiuj libroj superdaŭras la mondon, tiu, kiu kaŝe faris plej elegantajn skrapojn nevideblajn se okaze aĉa inkmakulo malbeligis la libron. Tiu, kiu horon post horo adiciis la plej longajn ciferkolonojn ne erarinte, tiu, kiu amis ĉiun komercan taglibron kiel propran infanon, tiu, kiu ne pli rapide, ne pli malrapide laboras, sed ĉiam en la sama kvieta maniero, tiu, kiu neniam forgesas mallevigi la rulkurtenojn dum somero kaj observi dum vintro la termometron laŭ la fiksita grado.

La dikaj libroj perdas ilian dignecon. Senrespekte oni ĵetas ilin en ŝrankon. Kio iam zorge enskribiĝis en libroj kun peno kaj atento, akompanita de okaza blasfemo, tion faras la maŝino dum momento.

La librotenisto de hieraŭ malaperas. Eble ni lin renkontos morgaŭ en la literaturo pli ofte ol en la ĉiutaga vivo.

H. J.

## ĈU PEREO?

Pilotilo estas rompita. La ŝipo de la okcidento gvidinte tra multaj jarcentoj konsumis sian vivenergion, fine ĝi maljuniĝis kaj ŝanceliĝe sin ŝovas antaŭen. Kaj en la nuna momento tio estas fatala. La ekvilibra globeto de la mondo, kiu ĝis nun ripozis en la sino de Eŭropo, komencis iom post iom rampi, serĉante novan kuŝujon.

Ĝenerale oni tre sentas la krizan tempon. Displuvas ĉiutage sennombraj artikoloj, libroj, laŭtiĝas paroladoj, ĉiuj turnitaj al la minaca malbono.

Iam en luna nokto sur la soleca roko super Jerusalem maldolĉe ploris Jeremia. Vizie li antaŭvidis la nigrajn tagojn, kiuj ruliĝis sur Jerusalemon, tiaman koron de l' mondo.

La hodiaŭan mondon ne plu konvertas profetoj. Vizioj ne konvinkas. Oni obee kapklinas nur al argumentoj. Tiajn argumentojn kunŝovelis en sian libron: « Der Untergang des Abendlandes » la germana filozofo Oswald Spengler. En ĉi tiu admirinda libro densiĝis fluo de la tuta historio kun ĉiuj kulturoj, kiuj trakuris la mondon.

Multaj kulturoj, jen anemiaj, jen plenfortaj, plugis nian teron. Sed plene maturiĝis nur la ok: ĉina, babilona, egipta, orient-hinda, grek-roma, araba, maja (sur Jukatan), kaj la kulturo de la okcidento.

Ĉi tiu lasta ekŝvelis apenaŭ en la naŭa jarcento. Ĝin elkovis la lasta el la kvar cikloj de la civilizacio. La antaŭaj tri estis hinda, antika, kaj la araba, en kies kadro diskreskis kristanismo kaj islamo.

Spengler metas tiujn ĉi kulturojn sub la analizan lenson kaj esploras ilin ne laŭ la kronologia sinsekvo, sed laŭ la propraj medioj. Tiametode li sukcesis ne nur ĝisfunde sondi la diversajn kulturojn, sed ankaŭ manpese kompari iliajn sendependajn valorojn. Sole tiel li povis ankaŭ konstati, ke la kulturoj, kiel ĉiu alia organismo, havas kvar vivperiodojn: printempon, someron, aŭtunon kaj vintron.

Iam juna kulturo de l'okcidento jam delonge pasis tra la tempo de la rikolto. Nun ekfrostis ĝia vintro. Kaj la vintro portas kun si ĝian pereon. Pereon de la okcidento!

Kiam eliris la libro de Spengler zorge sulkiĝis fruntoj de multaj pensemuloj. Ektremis ankaŭ multaj ŝtatistoj. Subite ili komencis kompreni ke ne krizas sole ekonomio, parlamentoj, demokratio. Spengler ja montris ke tio estas nur la supraj turoj de la blankula civilizacio, kiuj fendiĝas pro putriĝo de la fundamentaj traboj.

Ĉi tiu terura diagnozo, kiel jam dirite, solidiĝis en pezaj argumentoj kaj avertoj. Sendube, ke estas multe da vero en ili. Pruvas tion la plej skeptikaj ŝtatistoj, kiuj kunvenas sub la netravideblaj baskoj de la patrineca Ligo de Nacioj kaj plej konfidence flustras. Oni ne aŭdas, kion la ŝtatistoj konversacias, oni nur supozas. Tamen iam kaj iam alfrapas nin iom pli vervaj vortoj: senarmiĝo, angla-amerika bloko, Paneŭropo. Paneŭropo? Antaŭ tri-kvar jaroj oni virkapre kornumis kontraŭ ĉi tiu utopio kaj hodiaŭ oni ĝin jam akceptas kiel purigan medikamenton por la maljuna Eŭropo.

Sed, ĉu vere pravas Spengler, la moderna Jeremia de la okcidento? Ĉu la okcidento paŝas al la neevitebla pereo? Jen la demando, kiun ekmordis ĉiuj potencaj mondĵurnaloj.

Plej karakterize rezonas la japana ĵurnalo: « Nippon ». Laŭ ĝi la morala vivo de la eŭropaj popoloj degeneras kaj Eŭropo devas sin turni al Azio por tie ĉerpi freŝajn moralajn kaj intelektajn sukojn. La politika situacio de Eŭropo ŝajnas tre danĝera. La sinteno de Eŭropo rilate Rusujon puŝis ĉi tiun en Azion. Tie ĝi ekboligis batalojn por la libereco. Dume amerika hegemonio anstataŭis la eŭropan. Japanujo, kiel ĉefgvidanto de la azianoj havas nun plej grandan respondecon. Eŭropo kadukiĝis; ĝia civilizacio ekputris. Estas tasko ĝuste de Japanujo sintezigi la freŝajn civilizaciojn de Ameriko kaj Rusujo.

Kiel videble la konkludoj de la malproksima oriento estas kvintesence tre parencaj al tiuj de Spengler. Eble vere en tiu sintezîĝo de la amerika, rusa kaj azia civilizacioj kuŝas embrio de la granda estonteco.

Tamen al mi ŝajnas la okulvitroj de Spengler kaj tiuj de la « Nippon » tro pesimismaj. Eŭropo, kvankam iom maljuniĝinta, kaŝas en sia interno ankoraŭ multajn freŝajn kaj potencajn fortojn. Oni devas trovi nur la ĝustan vojon al ili. Kaj oni febre serĉas.

***

Ĵus oni alte ekkantis sur tribunoj de iuj parlamentoj pri Paneŭropo kiel savilo. Eble prave.

Antaŭ jardekoj la ses eŭropaj grandpotencoj hegemonie estris la tutan terglobon. Sed jam pasis tiu tempo. Hodiaŭ kunbuliĝas novaj — multe pli potencaj politikaj kontinentoj, kiuj pretendas estri. Jen ili: la brita imperio, Panameriko, la Unuigitaj sovjetaj respublikoj kaj japana-ĉina mondo. Ŝajnas, ke nepre devus alveni ankaŭ Paneŭropo.

En mia koro mi iom timas la rivalecon de ĉi tiuj gigantaj tutkvantoj. Povus okazi, ke ĉiu el ili emos vidi sin centro de la mondo kaj konante nur la proprajn interesojn ignoros tiujn de aliaj. Pro diversaj interesoj varmiĝas konfliktoj kaj facile oni saltas al armiloj. Kaj se batale kunpuŝiĝus ĉi tiuj gigantoj, kio postrestus? Tial la Ligo de Nacioj devus ne nur nepre resti, sed ankaŭ reorganiziĝi. Ĝi devus solvadi nur la interkontinentajn, tuthomarajn problemojn. En ĝi fokusiĝus sole tiu supera komuna intereso, kiun obei kaj progresigi devus ĉiuj kontinentoj kaj ĉiuj rasoj. Kompreneble, ke tio ne okazos jam morgaŭ. Sed ĝi povus veni pli frue ol oni esperas.

Fakte, Paneŭropo aktualiĝis, Briand, la franca ministro de ekstero, ĉe la pasinta kunsido de la Ligo de Nacio proponis la kunvokon de la paneŭropa konferenco. Tio estus unua paŝo al draŝado de la eŭropa ĉefproblemo. Sed ĉu la propono dormas?

Laŭ la politika teoremo Paneŭropo signifus konstantan kaj daŭran pacon, bonstaton, solidarecon kaj reciprokan helpon de la eŭropaj popoloj. Tial ĝi akiras ĉiutage pli kaj pli da adeptoj.

Ivo ROTKVIĈ.

---

## Epigramoj

*de Moritz Goldschmidt.*

La grandaj sekretoj ekestiĝas per la homa babilemo.

La plej progresa ideo estas ne pli multe ol velŝipo sur la maro de l'ekkono.

La plimulto de la homoj konas la amon nur de « esti amata » kaj la fidelecon nur kiel — kvaliton de la hundo.

« Komence kreis Dio ĉielon kaj teron », ...komencverko kun ĉiuj belaĵoj kaj neperfektaĵoj. Sed depost tio, kredas ĉiuj komencantoj ke ili devas komenci per la plej malfacila.

Se certaj homoj restus pli en la ombro, ili malpli ĝenus sin mem en la lumo.

Ankaŭ filantropemulo apenaŭ povas vidi sen envio feliĉan aliulon.

# SOCIO KAJ LINGVO

## Kie la franca lingvo ?

En la granda franca gazeto *Le Temps* J. E.-Ç. plendas pri forigo de la franca lingvo el tutmonda rolo per jenaj rimarkoj en sprita stilo:

« Ni ne sidas ĉi tie por ŝerci. Necesas ekzameni gravan demandon. Eĉ konkursan demandon, se vi preferas: « Ĉu ekzistas la franca lingvo? Donu pruvojn pri ĝia ekzisto. » Iam Rivarol, ja stranga persono, akiris justan famon, ĉar li inteligente respondis demandon de la Reĝa Akademio en Berlin pri la tutmondeco de la franca lingvo kaj pri la kaŭzoj por kredi, ke ĝi konservos sian superegon.

Ĉu la argumentoj de Rivarol taŭgus hodiaŭ? Ĉu Rivarol ne estus devigata renversi sian tezon kaj — ĉar temas pri politiko grandsence — ĉu li ne devus nun returni sian veston?

Certe ne! Sed oni ekkonvinkiĝas, ke la franca lingvo kvazaŭ ne plu ekzistas en Parizo kaj ke ĝin anstataŭis ĉiuspecaj paroliloj, inter kiuj la plej invadema — se ne la plej harmonia — estas la angla lingvo.

Antaŭ kelkaj vesperoj S-ro Paul Colline verkis angle la unuajn scenojn de revuo ludata ĉe la Teatro de la Deka. Li tion faris iel ironie kaj celante instrui la honestajn homojn — tien venintajn por pretiĝi al feliĉa amuznokto — ke ili devus memori pri la bela parolilo franca. Oportuna memorigo! Nun el Montmartre venas al ni la luno! Ĝi sukcesu lumigi nin ĝis blindiĝo! Estas tempo!

Jes. Estas tempo, ĉar la cirkonstancoj ŝajnas forpuŝi nian lingvon iom post iom el Parizo, kie oni hieraŭ konsideris ankoraŭ ke ĝi perfekte taŭgas. Ĉu la parolantaj filmoj ne estus por la franca lingvo ioma katastrofo?

Kinematografo havis netakseblan superecon: ĝi estis muta. Kiom da malspritaĵoj ĝi montris al ni! Dank' al Dio, ĝi montradis ilin... silente. Kaj jen! ĝi de nun parolos. Ĝi ekparolas! Ĝi ne estas devigata paroli. Sed ĝi parolas! Tio estas la progreso. Foje la progreso estas vere konfuziga por homa saĝo. Ho ve! Ĉu la parolanta filmo ne estos, en Parizo aŭ tra la mondo, nova disvastigilo por la angla lingvo? Kaj tamen la angla lingvo ne bezonas plian vastigilon: ĝi jam kalkulas sufiĉe da flosiloj...

Cetere, la kinematografa industrio ŝajnas efektive suferigi al la franca lingvo la plej hontigajn kripligojn. Vidu kia fariĝas nia malfeliĉa nacia parolilo en cirkulero el Hollywood: « *Un des buts principaux, c'est de metre en évidence les arts; les beautés deturpées dans les films... On a raison de croire que les films seront á la pair avec ceux des plus connus producteurs...!* »

Plej komike, sed ankaŭ plej dolorige estas tio, ke la cirkulero proponas al ni filmojn parolantajn france! Ĉu ne alloge? Sed ĉu ne timige? Atendante tiujn filmojn, la cirkulero estas ankoraŭ pli danĝera por la franca lingvo ol prospekto redaktita angle tute simple...

Ĉu ni devas maltrankviliĝi? Sendube ne... Sed ĉu ni ne rajtas esti melankoliaj?... En komenco de la XXa centjaro Novikov kaj Wells persiste aljuĝadis al la franca lingvo tutmondan rolon. Kion diras la Wells'oj kaj Novikov'oj de 1930? Ĉu ili daŭre fidas je la tutmondeco de nia lingvo? Certe. Nu oni tre ŝatus aŭdi ilin esprimi denove tiun fidon.

Eble la franca lingvo staras ĉe « vojturno de historio ». Tiom da vojturnoj havas ja historio! Nu, ni devas plene fidi en la estonteco de nia lingvo kaj de la ideoj, kiujn ĝi klare esprimas! Sed ni ekkomprenu iom pli profunde, ke staras tie tre grava demando, nacia kaj internacia, kiun urĝas konsideri serioze. Ni pensu pri ĝi konstante. Ni parolu pri ĝi ofte. Por hodiaŭ, sufiĉas. Mi faris mian devon. Vi faru la vian. Se tamen vi havas nenion pli gravan por fari. Evidente! »

Alian fojon, eble en ĉefartikolo ni mem reprenos tiun temon. Dumĝise niaj legantoj jam estos trovintaj mem kion respondi kaj kion konsili al la aŭtoro de ĉi tiu artikolo. Ekzistas unu rimedo por eviti tiajn suferigojn al la franca lingvo kaj ankaŭ ĝian anstataŭon sur tutmonda kampo per alia nacia lingvo, tio estas energia laborado sur sukcesigi Esperanton kiel helpan internacian lingvon. Tion komprenis 30 anoj de la Franca Akademio de Sciencoj, subskribintaj faman deklaron. Ĉu la jurnalisto ĝin iam legis? Kredeble ne. — (*Red.*)

## Objekto kaj persona nomo

*(Lingvohistoria babilaĵo)*

Registri, klasi, nombri, nomi, estas kvar okupoj kiujn la homaro plenumas kun ardo kaj fervoro. Apenaŭ naskita, la infano havas sian nomon, ne, eĉ plurajn. Ĉion oni notas, penadas enkestigi ie en la vastan ujon de la homa agado, nur ke regu ordo, metodo kaj sistemo. Doni nomon al kio ajn estas unu el la unuaj faroj. Amuze nun estas konstati kiel objekto aŭ ago ricevis nomon, kies devenon eĉ forgesis la samtempuloj.

La taksi-aŭtomobilo preskaŭ forpelis la malnovan fiakron, vorto de franca deveno. En la sepa jarcento venis Francujon irlanda ermito Fiacrius, kiu sin donis al la gastigado de migrantoj. Li mortis en la jaro 670. Li apartenas al la sanktuloj de la katolika eklezio kaj lia festo estas la 30a de Aŭgusto. Certe tiu piulo ne pensis, ke iam lia nomo servos por nomi veturilon. Dum la deksepa jarcento spekulaciulo en Parizo venis al la ideo lui veturilojn. Tiu, Nikolao Sauvage, loĝis en domo, kiu portis ŝildon aŭ insignon kun la bildo de l' Sankta Fiakro. La novaj veturiloj populariĝis. Oni parolis nur pri la veturiloj de Sankta Fiakro ĝis fine restis nur « *fiakro* ». Multaj lingvoj, influitaj de la franca civilizo akceptis tiun vorton kaj ideon. La *mansardo* estas invento de franca arkitekto, François Mansard kiu vivis de 1598-1666. Sed plej stranga estas la deveno de la vorto silueto. Siluetoj estas la desegnoj laŭ ombroj, ŝatitaj dum pasinta jarcento. Nu, la nomo estas nenio alia ol tiu de ministro de financoj sub Ludoviko XV, Etienne de Silhouette (1709-1767). Pro siaj ofte mallarĝanimaj faroj li estis ege malŝatita. Tiutempe oni eltrovis tiun manieron de krajona desegno profila aŭ kiel diris laŭepoka klarigo « portraits tirés de profil avec un crayon noir, d'après l'ombre de la chandelle, sur du papier blanc ». Pariza sprito kaj mokemo nomis tiujn primitivajn bildetojn « laŭ maniero de Silhouette » kaj tiu nomo restis por la bildetoj mem. La vorto havis komence la sencon de io tre seka, primitiva, eĉ aĉa.

La gilotino, tiu tipa signo de la franca revolucio, ne estas la invento de D-ro Guillotine, kiu ĝin proponis. Ĝi estis konita jam en la mezaĝo, sed forgesita. La malgranda plibonigo, kiun faris alia kuracisto, nome D-ro Louis, havigis al tiu mortinstrumento la nomon « la dika Luizono » (la grosse Louison).

Sennombraj estas la nomoj de famaj scienculoj en la botaniko. Estas kvazaŭ monumento al ili, sed bedaŭrinde ne plu memorata estas la deveno. Kiu pensas je nomo de homo,

parolante pri nikotino (Nicot) begonio (Begonié), lineo (Linnacus), fuksio (Fuchs), dalio (Dahl), robinio (Robin), adansonio (Adanson), turnefortio (Tournefort), gajlardio (Gaillard de Marentonneau) kaj multaj aliaj, kies nomoj pro ia merito pri la objekto, servis por nomi tiun. Kelkaj reĝinoj estis honorataj per la floroj, portantaj iliajn nomojn: hortensio, viktorio, paŭlovnio, Renklodio (reine Claude, speco de pruno).

Vortoj de la lasta jarcento estas *bojkoti* kaj *linĉi*. La bojkoto estas formo de publika proskripcio. La vorto unue aperis en Dublina gazeto 1880 kontraŭ certa Boycott, administranto de bienoj kaj ege malŝatita de la farmistoj. « Nenion oni aĉetu de li kaj nenion oni vendu al li », estis la devizo de la lukto kaj tiu difino estas preciza kaj klara por la senco de la verbo, tiutempe enirinta la anglan lingvon (to boycott) kaj transirinta pli multajn de la eŭropaj lingvoj. Juĝisto Lynch estis laŭdire viro, kiun la brita kolonio en Norda Ameriko kompetentigis apliki la rapidan justecon kontraŭ sklavoj kaj krimuloj. La nuna signifo ja estas tiu de la « senceremonia popola justeco », se oni pri oftaj kazoj ne volus rekte diri « maljusteco ». Alia etimologio de tiu vorto estas, ke temis pri urbestro de Galway en Irlando, Lynch, kies filo estis kondamnita al pendigo pro murdo. La popolo estis por la filo kaj la ekzekutisto rifuzis la plenumon. Do la urbestro mem ekzekutis, por ke justeco ne haltu antaŭ propra filo de aŭtoritatulo.

*Makadamizo* estas la farado de stratoj laŭ metodo formulita de skota inĝeniero John Loudon MacAdam (1756-1836) kiu verkis libron pri la scienca riparo de stratoj. Alia vorto tre disvastigita estas tiu de Macintosh por pluvmantelo, inventita de MacIntosh. Ankaŭ la vorto Lloyd tre uzata por firmoj de ŝipkompanioj kaj ankaŭ de gazeto (Pester Lloyd) dankas la devenon de persono, posedanto de kafejo en la londona borso dum la 17a jarcento.

De pli modernaj esprimoj kiel galvanizi, pasteŭrizi, la deveno estas konata. Kiu kuraĝas ankoraŭ paroli pri « natura » kresko de la lingvoj kaj moki pri principoj de la internacia lingvo, en certa rilato multe pli natura ol tiu arbitra nomigado?

(G. AGRICOLA.)

---

# ELDIROJ

### de Georges Clemenceau

*Oni povas multon diri kontraŭ la bonfaro. La riproĉo plej grava kion oni povus fari al ĝi, estas ke oni ne praktikas ĝin.*

---

*Dum paco kaj milito, la frakaso de la pli malforta estas la tuta homa historio.*

---

*Kiu pensas publike,* agas.

---

. . *La plej alta virto estas la pacienco por vivi.*

---

*La homa vanteco estas tiom granda, ke la plej granda stultulo kredas havi bezonon je ideoj.*

---

*Oni neniam scias kio povas fariĝi el viro, kiu posedas samtempe precizan koncepton de siaj interesoj kaj pafilon.*

---

*Estas pli komforta kompreni la neceson de agado ol mem agi.*

# Tra la Libraro

---

**Diverstemaj libroj. — Lernolibroj.**

Nova eldono de la Internacia Kantaro, Tekstaro, aperis; la enhavo estas pli ol duobligita, kaj nun konsistas el preskaŭ cent kvindek kantoj. La nombro de nacioj, en kies kanttrezorojn oni ĉerpis, multobliĝis ankaŭ. La laboro de la aŭtoro, S-ro P. Bennemann, kiel tradukinto, kolektinto, muzikisto estas grava kaj laŭdinda. Lia kolekto liveras poezion kaj muzikon de plej diversaj landoj; ĝi ankaŭ pli intime malkaŝas ilian popolan animon. La tekstaro estas zorge presita kaj eldonita, tute senerara; la kantparoloj estas bone tradukitaj, korekte versigataj, zorge ritmitaj laŭ la melodioj; kaj ĉi tiuj tri postuloj ne estas facile samtempe plenumeblaj: tion konfesos, kiuj provis tian laboron. Do jam valora kaj interesa estas la tekstaro, kiun kompletigos, en aparta albumo, la melodioj por unu aŭ pluraj voĉoj, por ĥoroj, kun aŭ sen fortepiana akompanaĵo.

Ankaŭ bele, preskaŭ lukse eldonita, estas *Sivaĝi*, historia drameto el Hindujo. Ĝi estas iom stranga por nia okcidenta teatraĵa koncepto, kaj rakontas lukton inter du hindaj maharaĝoj, kvazaŭ bona kaj malbona spiritoj: la aŭtoro ne devus konfuzi: « mistika » kun « mistera »; krome la lingvo estas rimarkinde bona por aŭtoro, kiu nur de unu jaro ekkonas Esperanton, kiun li nun uzas en norda Eŭropo por paroladoj pri sia hejmlando.

La *Fabeloj* originale verkitaj de Franjo Modrijan, iom infanecaj por maturuloj, kaj iom mistikaj por geknaboj, plenigas broŝuron kun bela preso kaj korekta lingvo.

Pri la nova pamfleto de Komunista Biblioteko, *Milito kaj Religio*, ĝi diras kontraŭ kapitalismo, burĝaro kaj eklezioj akuzojn gravajn, de kiuj la videbla partieco de la aŭtoro forprenas la valoron, almenaŭ por legantoj de okcidentaj alie informataj landoj. Tute tendenca, sed korekte verkita atako.

*La esenco de l' Bahaismo* estas klare resumita en la tiel titolita broŝureto. Kun tia ĝenerala etiko, kiu celas « liberigi de ĉiu rasa, nacia, sociala, ekonomia kaj religia antaŭjuĝo » kleruloj facile konsentas. Kelkaj preseraroj aŭ netaŭgaj neologismoj restis en la tekto.

La oficialan raporton pri la *Dudeka Universala Kongreso de Esperanto* en Antverpeno pretigis I.C.K. Ĝi estas necesa dokumento por ĉiu, kiu volas esti plene informita pri nia movado nuna. El la enhavo havas specialan intereson, unue la deklaro de la enketa komisiono pri la kritikoj faritaj kontraŭ U.E.A. Tiun deklaron pli precizigas la tuta protokolo de la komisiono kaj la diskutado. Traleginte ĉion, senpartia samideano konvinkiĝas pri la erareco de l' kulpigoj, pri la korekteco de la administrado, pri la senpekeco de la sindonemaj direktantoj. Feliĉe disiĝis tiu nigra nubo nur ventplena. Poste, tre interesan faktoron kaj konsiderojn konigas la raportoj pri la multtemaj laboroj de I.C.K. kaj de U.E.A., kiuj verkis ĝenerala sekretario de l'unua kaj direktoro de l' dua. Fine, inter la aliaj dokumentoj, oni devas citi la detalan studon de D-ro W. Lippmann pri la komenc-literoj en Esperanto, kiu helpos iam ordigi ne flanklasendan aferon, kaj la resumon de la prelegoj de la 4a Somera Universitato. Tiel plena estas la tuto, ke ne paradokse estas aserti, ke atenta leginto scias tiom, se ne pli, pri la kongreso ol partopreninto.

---

La dua parto, por progresintoj, de la bonega *Esperanto Lehr und Lesebuch*, kiun kompilis por Aŭstrujaj mezlernejoj Profesoro Casari kaj fakinstruisto Scheibenreiter, estas eldonata kun kutima perfekteco de la firmo Hirt kaj filo. La ĉefa parto estas prozaĵoj pri vojaĝo tra la hejmlando de patro kaj filo;

leteroj al la familianoj plivariigas la tekstojn; aliaj temas pri hejma vivo, pri fremdaj kuriozaĵoj, pri Esperanto. Versaĵoj, humoraĵoj kaj ludoj finigas la volumon, kiun tre belaj kaj taŭge elektitaj bildoj ornamas. Ne malprave oni ĉie parolas pri la pedagogiaj novaĵoj de la Vienaj lernejoj. La priparolata libro ankaŭ pruvas siaflanke la altan nivelon de la instruado kaj de la libroj uzataj por nia lingvo. Ĉar la enhavo, krom germanlingva resuma gramatiko estas nur esperanta, alilandaj lernantoj povus profiti el ĝi.

Tute malsama, sed ne malpli taŭga kaj spertpruva, estas la *Step by Step in Esperanto*, pliampleksigita eldono de la antaŭa First Step. Ĝia riĉa enhavo preterlasas neniun punkton sciindan. Precizaj klarigoj angle verkitaj, multnombraj ekzercoj, spritaj anekdotoj, vortludoj, konsiloj al lernantoj kaj al instruantoj, tabeloj, vortaro, indekso, ĉio estigas, ne nur modelan lernolibron, sed plaĉan; ankaŭ referencaron, kiun eĉ lerta samideano foliumos por eldubiĝi. Kiom da konoj, kapabloj, spertoj, laboroj rezultigas tian nesupereblan instruilon, nur S-ro M. C. Butler povas konfesi.

Por Angloj ankaŭ, sed malpli ampleksa kaj detala estas *The Concise Course in Esperanto* de L. N. Newell; ĝiaj 26 lecionoj tamen entenas ĉion necesan; la tradukekzercoj konsistantaj el multaj modelfrazoj, tre celkonscie elektitaj, kun ilia ŝlosilo ĉe la fino de l' volumo, estas ĝia plej rimarkinda parto, kvankam la utilaj gramatikaj klarigoj ankaŭ ne mankas.

La *Wörterbuch Esperanto-Deutsch* de D-ro Emil Pfeffer atingas trian eldonon. Praktikeco kaj malkareco komprenigas la sukceson de l' libreto. Al la kolekto de l'oficialigitaj radikoj, pliigita per plej uzataj fakvortoj, aldoniĝas la kvara ĵus akceptita nova vortlisto de l'Akademio.

Nova eldono de la ŝlosilo por Poloj, *Klucz do Esperanta* kun la prikomerca terminaro. Pli granda literaro estas eble oportunaĵo, sed aliflanke plipezigas la broŝureton; ĉu la ebleco kunmeti ŝlosilon kun letero sen plia poŝtelspezo, ne estis iam la kialoj de formato kaj preso minimumaj. G. S.

*Noto de la Redakcio.* — La kutiman recenzon « Tra la Libraro » en nia lasta numero ankaŭ verkis nia talenta kunlaboranto G. S., kies subskribo mankis pro preseraro.

# ETNOGRAFIA ENKETO

Vilaĝanaj esperantistoj kaj aliaj interesuloj pri etnografio! Por komparaj studoj etnografiaj S-ro Olo Bannbers, membro de UEA, Götgatan 103, Stockholm Sö. (Sved.), deziras helpe de la samideanoj precipe en Eŭropo ricevi informojn kaj bildojn pri la jenaj malnovaj iloj. Kian ilon oni uzis por kolekti la fadenojn de la ŝpinilo? Ĉu la varpigotaj fadenaroj estis buloj aŭ faskoj sur ia stablo (kia)? Kian varpigilon oni uzis? Lignonajloj en la muro? Brancêtoj sur arboj? Kadro kun lignonajloj aŭ erpilo, starigita al la muro? Lameno aŭ tablo kun lignonajloj? Rotacianta stablo? Kiu peros valoran sciigon, ankaŭ pri scienca artikolo pri tiuj aferoj en malfacile komprenebla lingvo, ricevos rekompence Esperantan libron: Strindberg, « La konscienco riproĉas », aŭ Sinha, « Sivaĝi (nova originala dramo). Vere bonegajn, detalajn informojn originalajn oni dece pagos.

Turnu vin al la del. de UEA en Lidingö (apud Stockholm) Sam Owen Jansson, Skogen 23, kiu deziras pliampleksigi ĉi tiun eksperimenton de utiligado de Esperanto, se vi emas respondi demandarojn por esplori vilaĝanajn kutimojn de buĉado kaj domkonstruado!

(S-roj Bannbers kaj Jansson ambaŭ laboras en etnografia muzeo « Nordiska Museet » en Stockholm).

# NOVAJ LIBROJ

*Esperanto Lehr- und Lesebuch* für österreichische Hauptschulen und Mittelschulen. Prof. Dr. Anton CASARI und Fachlehrer Franz SCHEIBENREITER. Teil II, Oberstufe. 1929 Buchhandlung und Verlag R. Foltanek, Wien I, Herrengasse 2-4. 96 paĝoj, 15 ½ × 23 cm. Prezo: 3,50 sch.

*Dudeka Universala Kongreso de Esperanto.* Antwerpen, 3-11 Aŭgusto 1928. Oficiala Dokumentaro Esperantista. Internacia Centra Komitato de la Esperanto Movado. 1, Tour de l'Ile, Genève. 140 paĝoj, 16 × 24 ½ cm. Prezo: Frk 2,50.

*Step by Step in Esperanto.* A simple Textbook and Reader by Montagu C. Butler. Tria eldono. London, The British Esperanto Association, 142 High Holborn, W.C. 1. 240 paĝoj, 12 × 18 ½ cm. Prezo: 1 sh. 6 p.

*Internacia Kantaro.* Paul BENNEMANN L. K. Tekstaro, 16-20a milo. Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig, Esperanto-Fako. 1929. 112 paĝoj, 11 ½ × 16 ½ cm. Prezo: ne montrita.

*Wörterbuch Esperanto-Deutsch* von Dr. Emil PFEFFER. 3a eldono, 11-15 miloj. Tagblatt-Bibliothek No 335. Steyrermühl Verlag, Wien. 48 paĝoj, 12 × 19 cm. Prezo: 0,30 mk.

*Fabeloj.* Originalaĵo de Franjo MODRIJAN. Espero Katolika, 22 Cours Albert Ier, Paris VIII. 32 paĝoj, 11 ½ × 18 cm. Prezo: ne montrita.

*Klucz do Esperanta.* (ŝlosilo Pola) Eldonejo: Esperantista Voĉo, Jaslo, Polujo. 48 paĝoj, 7 ½ × 11 cm. Prezo: 50 gr.

*Milito kaj Religio.* M. ŜEJNMANN. Komunista Biblioteko. R. Lerchner, Colmstrasse 1, Leipzig 0.27. Germanio. 36 paĝoj, 12 × 15 ½ cm. Prezo: 20 kop.

*The Concise Course in Esperanto,* by L. N. NEWELL. The British Esperanto Association, 142 High Holborn, London W.C. 1. 124 paĝoj, 10 ½ × 16 ½ cm. Prezo: 9 p.

*Sivaĝi.* Sceno el Hinduja historio de la 17a jarcento. Lakshmiswar SINHA. Stockholm, Eldona Societo Esperanto. 68 paĝoj, 13 × 19 cm. Prezo: 1,50 kr.

*La Esenco de l' Bahaismo.* Dro Hermann GROSSMANN. Bahaa Esperanto eldonejo, Wandsbek, Germanujo. (Poŝtfako 8) 8 paĝoj, 15 ½ × 23 cm. Prezo: ne montrita.

# Amerikana Sprito

« Mi elspezas multan monon por la muzika instruado de mia filino. »

« Sed tio ja estas sensenca. Radio estas multe pli malkara kaj faras eĉ pli grandan bruon. »

(*Cincinnati Inquirer.*)

Du amikoj parolas pri la intencita vojaĝo al Eŭropo. « Ĉu vi scias », demandis unu al alia, « kiel oni postulas akvon en Parizo? »

« Avez-vous... » komencis la alia, interrompas tuj « sed ĉu ni trinkos akvon en Parizo? »

(*Birmingham Gazette.*)

Ridinde estas aserti ke la sonfilmo ne havas estonton. Ĉio kio forigas la homojn de ilia hejmo, havas estonton.

(*New York Times.*)

Pripensante kiom riĉa ni povus esti, se ĉiuj aliaj donus ĉion al ni kredite!

(*Publishers Syndicate.*)

D-ro May diras: Oni povas resti juna, vivante kiel la junuloj. Tio nenion helpos, Doktoro. Oni ankaŭ ne riĉiĝos vivante kiel la riĉuloj.

(*Tuscon Citizens.*)

# LITERATURO

## La literaturo de l'stepoj kaj tundroj

De N. Hohlov.

La popoloj de Siberio kaj de najbaraj landoj jam komencis posedi naciajn literaturojn en la unua stado de l'evoluo. Ni provu fari malgrandan revuon de la literaturaj progresoj ĉe la popoloj de la Sovetia Azio.

El la literaturaj grupoj de Siberio la plej rimarkinda kaj granda estas la grupo de burjato-mongolaj verkistoj. La organizo de la burjataj verkistoj plene apartenas al la Siberia unuiĝo de la verkistoj.

La burjatoj eldonas sian nacian almanakon ; krom tio, en la literatura paĝo de « Burjato-mongola Pravda », gazeto aperanta en Verĥneudinsk, estas presataj verkaĵoj de burjatoj, verkantaj en rusa lingvo ; ili estas sufiĉe multaj.

Tiun fenomenon klarigas en siaj versaĵoj la poeto Solbone-Tujà (Dambinov) :

Ne mallaŭdu min pro la malfortaj kantoj —
Estas mi nur Solbone Tuja,
Kiu inter fremdaj subjugantoj
Kaptitecon longan spertis ja...

Plue li diras :

Mi ne kantas en la lingvo patra.

kaj ke « de l'amata patrino la lingvon » devigis lin forgesi la fremduloj, rusoj, koloniigintoj de la lando.

Solbone Tujà estas lirikisto, kiu aperigis post la revolucio libron da siaj poemoj.

La formiĝado de la burjata literaturo estis malrapida kaj nur la pasintan jaron en Verĥneudinsk kunvenis burjata literatura kongreso, en kiu estis tralegita la unua novelo, verkita en la nacia lingvo.

La aŭtoro de tiu unua belliteratura burjata verko estis B. B. Baradin (Samandabadra). Lia rakonto « Cynge Babaj » (Maljunulo Cynge) siatempe faris grandan bruon.

Rimarkinde estas, ke ĝis tiu tempo burjataj literaturistoj provis siajn fortojn skribante nur pseŭdo-heroismajn popolajn tragediojn kaj la beletristiko estis por burjatoj tute nekonata.

La unuan burjatlingvan novelon sekvis beletristikaĵoj de Bato-Cyrenov, I. Dadujev, Solbone Tuja k. al.

Ĉiuj verkaĵoj de tiuj aŭtoroj aperis en la unua literatura almanako de la Burjata respubliko « Uran-Ugesun-Ĉimen ».

Grandan rolon en la kolektado de la literaturistaj fortoj de la Burjato-Mongolaj landoj ludis la nacilingva gazeto « Unen ».

La temaro de la verkoj estas multkolora.

Ekzemple, Samandabadra skribas pri la burjata Najon (landa guberniestro) Bojan-Nemeĥu, pri la aventuroj de orfiŝo el la mongola rivero Tola, kiu fluas al Arkta oceano. Solbone Tuja pri belulino, perforte edzinigita kun nomadomalbelulo kaj entrepreninta romantikan forkuron el la kaptiteco, ktp. ktp. En burjataj verkoj do regas elementoj de la folklora fantazio. La burjata literaturo ankoraŭ ne kapablis majstre skizi la renesancon de la liberiĝinta popolo, de ĝia nova vivo. Ĝi preskaŭ entute dependas de la malnovaj popolaj legendoj kaj kantoj.

---

La najbaroj de la burjatoj, la mongoloj, kiuj fondis la unuan en Centra Azio sendependan respublikon, enportis en sian junan literaturon pli grandan elementon de modernismo ol la burjatoj.

La unuaj literaturaĵoj de la nova Mongolio aperis presitaj en la ĵurnalo « Siberiaj Fajroj » en la rusa traduko, farita de A. Burdukov.

Jam la titolo mem de la teatraĵo de Bazarankĉi multon diras. Li nomas sian verkon tiel : « Multenombraj krimoj kaj eraroj de la mongolaj altranguloj, princoj, oficistoj kaj simplaj civitanoj, faritaj dum la grandaj mondaj katastrofoj ».

En tiu ĉi valora teatraĵo Bazarankĉi pentras la momentojn de la batalo inter la ribeliĝinta Mongolio kaj Ĉinio, kun la interveno de japanoj kaj aliaj fortoj. La teatraĵo prezentas grandan intereson per siaj originala stilo kaj epika patoso.

« Tulbo-Nut » de Ulan-Otorĉi ankaŭ estas dediĉita al la batalo de Mongolio por sia sendependeco. « Tulbo-Nut » estas memornotoj de partopreninto en la heroa epopeo de la loĝantoj en la liberama dezertolando.

La verkoj de Ulan-Otorĉi estas precipe valoraj en tiu senco, ke en la eŭropa literaturo ĝis nun ne estis eldonita iu libro el la periodo de la revoluciaj bataloj de la Meza Azio.

---

Inter la ojratoj, loĝantaj en Altaja regiono, ankoraŭ ne troviĝas iuj literaturistoj. La tuta verkotrezoro de la monta popolo, kiel centoj da jaroj antaŭe, kuŝas sur la kordoj de l'muzikiloj de la popolaj bardoj.

Grandan intereson prezentas la kolektado de l'materialo el tiu ĉi trezoro de ojratoj. Ni nomu la aborigenojn, I. Bobrak, Anoĥin kaj aliajn, kiuj jam kolektas la kantojn de sia popolo. Sed tiu ĉi laboro celas precipe etnografian, ne literaturan planon.

La lando de ojratoj havas tamen sian junan verkiston aborigenan, kiu verkas en la rusa lingvo, L. Edokov.

La publikigitaj memornotoj de « Ĉiĉke-But » de Edokov havas precizan stilon kaj enhavon virece-romantikan, similan al la verkoj de Kipling (Ĉiĉke-But - malgraspieda : moknomo donita al la eŭropanoj). L. Edokov rakontas en sia verko pri la kunpuŝiĝo de la nova kaj malnova kulturoj en sia lando.

La indiĝenoj de Siberio ankaŭ partoprenas la tuthomaran kulturon. Ilia juna literaturo — estas nur kvazaŭ verdaj burĝonoj de tiu ĉi fruktodononta kulturo. Tial la literaturon de la vagantaj ĉasistoj aŭ bestobredistoj oni komprenu kiel literaturon de la homoj, kiuj jam komprenis sian novan destinon.

Ni ne forgesu, ke la transiro de la buŝa al la skriba verkado estas granda paŝo en la evoluo de la loka kulturo. La kantistoimprovizanto forlasas la kordojn de la multjarcenta muzikilo de nomado, kaj transportas la verkadon sur la paperon, tiamaniere fiksante ĝin por la posteularo.

La popolkantoj kaj legendoj fariĝas nur materialo por kolektanto. Ili forludis sian rolon, cedinte lokon al la nova venkinto, nova skribliteraturo de la indiĝenoj.

La liberiĝintaj kaj renaskiĝintaj gentoj nepre priskribos en siaj unuaj verkoj la momentojn de tiu ĉi tre signifa epoko.

La devo de la kleraj kaj kulturitaj popoloj estas atenta observo kaj helpo en la laboro de la hieraŭaj « sovaĝuloj », kiuj ne konis, kio estas skriboplumo...

# Unu viro

Novelo de George Melbourne

« Li nomiĝas Remson — estas kuracisto kaj kunestas inter pasaĝeroj en dua klaso. Plu oni ne sciis pri li. »

Neniu sur la ŝipo « Scotland », kiu estis surmare al Japanujo estis sukcesinta konatiĝi kun James Remson. Li certe volis sola iri kaj ĝui la ĉarmon de la marvojaĝo, alimaniere oni ne povis kompreni la seriozan vizaĝon, kiun li montris, kiam iu provis ekkonversacii kun li.

Unu antaŭtagmezon kiam la nesocietema sinjoro grimpis la mallarĝan ŝtuparon al la unuaklasa promenferdeko, li subite renkontis tridekjaran virinon. Ambaŭ ekatentis pro surprizo, kaj Remson ekprenis konvulsie la barilon por ne dorsen fali. Certe estis la neatendita renkonto tre malagrabla por ambaŭ.

Ŝi estis tre bone vestita, oni tuj komprenis, ke estas sinjorino kun noblaj kutimoj. Ŝia vizaĝo estis sufiĉe bela sen helpo de ia kosmetiko, sed iaj trajtoj ĉirkaŭ ŝiaj okuloj kaj buŝo diris ke ŝi iom estis suferinta.

La vizaĝo de Remson subite paliĝis. « Bona Dio », li ĝemis, « mi ne sciis, ke vi estas ĉitie. Mi — vi — eble ne intencas min perfidi, Margaret » ? Unu momenton ŝi rigardis lin per fremda, malvarma kaj malestima rigardo.

Ĉu vi bezonas monon » ? ŝi demandis.

« Ne », respondis li preskaŭ humile. « Mi vere neniam petis vin pri mono, kvankam vi havas multe da ĝi ! Sed promesu ke vi ne perfidos ! Mi devas serĉi landon, kie mi povos denove komenci la vivon, sen malhelpo de mia pasintajo. Mia hejmlando estis tro malvasta. Mi ĉiam riskis iun renkonti, kiu min rekonos ».

« Ne timu min. » Ŝi turnis sin for de li. « Mi longe rigardis vin kiel mortinton. »

Remson reiris al la duaklasa ferdeko kun sento de dankemo al ŝi. Ŝi estis doninta al li unu vorton, kaj pro sperto li sciis, ke li povas fidi je ŝi.

Estis jam la oka vespere, terure varme, kaj la pasaĝeroj streĉinte kuŝis sur la ferdeko, en malaltaj litseĝoj. Ĉie ĝemetadoj estis aŭdataj.

La ŝipmaŝino batadis senĉese, kaj krom ĝi oni nenian sonon aŭdis, ĉar ankaŭ la plej babilemaj estis mutigitaj, jes, la sinjoroj eĉ ne povis teni fajron ĉe siaj cigaroj. Sed subite io okazis, kio ŝajnis veki iom da vivo ĉe la malviglaj pasaĝeroj. Sonorigis ĉe la telegrafo al la maŝinejo. La dua subĉefo de la ŝipo alvenis de la komandoponto, kuris trans la ferdeko al la kajuto de la ŝipestro kaj frapegis sur la pordon. Li krie diris kelkajn vortojn kaj ree kuris poste al sia posteno.

Momenton poste la ŝipestro elvenis el sia kajuto. Denove sonis la maŝintelegrafo kaj « Scotland » malrapidiĝis. Tio vivigis la pasaĝerojn, ili sin levis el siaj litseĝoj demandante la kialon de la malrapidiĝo de la ŝipo.

Unu el la subŝipestroj rakontis, ke oni ĵus interparolis kun tife infektita ŝipo.

La sciigo tuj ĉasis la pasaĝerojn sin levi, ili kuris al la ŝipbordo kaj rigardadis trans la rebriliĝanta akvo. Centon da metroj de tie estis ŝipo. Ĝi flagis duon-stange kaj faris kortuŝan impreson al la rigardantoj. Per lorno ili povis vidi, ke ĝi estas plena de homoj, kiuj kuradas antaŭen kaj reen sur la ferdeko. Unu subŝipestro tradukis kion ili signalis, kaj tio estis jena :

« La ŝipo « Batavia » el Calcutta, surmare al Jiddad kun pilgrimantoj. Tifo surŝipe. La ŝipestro kaj la ŝipkuracisto mortintaj. Deziras medikamenton kaj kuraciston. »

Tuj poste malleviĝis el « Batavia », boato sur la akvon. La ŝipestro kaj la kuracisto en « Scotland » staris sur la ferdeko interparolantaj unu kun la alia.

« Tiu boato ne rajtos albordiĝi ĉe ni », diris la kuracisto. « Ni ne devas tion riski. »

« Sed kion ni faru » ? La ŝipestro demandis. « Ni ne povas rifuzi helpon al ili. Tio ja estus malhumana, kaj al tio mi ne konsentas. »

« Ni transportu manĝaĵojn kaj medikamentojn en unu el niaj boatoj — surmarigu ĝin, kaj lasu ilin mem ĝin venigi. »

« Jes, tion ni ja povas fari », respondis la ŝipestro, kaj ordonis al kelkaj ŝipanoj ekipi boaton, sed li ree sin turnis al la juna kuracisto dirante :

« Sed ili ankaŭ petas pri kuracisto » ?

La kuracisto eklevis la ŝultrojn.

« Vere, sed nun mi absolute ne povas lasi la ŝipon. Mi havas multe da pacientoj, kiuj estas tre malsanaj ;

La kuracisto de « Scotland » vere estis pli dando ol praktike kuracanta, li nur portis sian brilblankan uniformon kun orbrilantaj butonoj, krom tio li estis tre lerta en kuracado de virinoj, kiuj suferis pro marmalsano, sed por prizorgi tife infektitan ŝipon li ne ŝajnis taŭga.

« Ne, kompreneble, ni ne povas esti sen vi. » La ŝipestro serioze skuis la kapon. « Sed malfacile estas por la ŝipestro en « Batavia » sin mem helpi sen kuracisto. »

Kiam la boato de « Batavia » alproksimiĝis, oni signalis, ke ĝi sin turnu por preni la boaton « Scotland » posttreme.

Remson jam du fojojn estis survoje al la plej alta ferdeko, sed unu subŝipestro ĉiun fojon malpermesis lian aliron.

« Mi devas interparoli kun la ŝipestro », diris Remson, « estas afero de plej alta gravo ».

« La ŝipestro estas okupata », sonis la mallonga respondo. « Vi devas atendi ĝis ni estos pretaj. »

« Mi ne volas atendi », Remson kolere respondis. « Iru flanken mi diras » ! Li severege ekpuŝis la viron kaj ekkuris al la ŝipestro, kiu ankoraŭ estis interparolanta kun la ŝipkuracisto.

« Ŝipestro Lincoln », li komencis. « Mi aŭdis, ke ili bezonas kuraciston surŝipe en ‚ Batavia ', ĉu ne » ? La ŝipestro sin turnis kaj rigardadis tre mire al li. Li ne povis sin rememorigi, ĉu li antaŭe lin vidis.

« Jes », li respondis, « sed kion vi volas per tio » ?

« Jes », li respondis, « mi intencas proponi al vi mian helpon ». Mi nome estas kuracisto, kaj tio estus favoraĵo por mi, se per via permeso, mi rajtus helpi la malsanulojn ».

« Favoraĵo » ! La ŝipestro ŝajnis kvazaŭ demanda signo vivanta.

« Jes, por mi la plej granda favoro, kiun homo povas montri al alia. »

La ŝipestro demandante rigardis sian ŝipkuraciston. « Sedsed vi ne estas notita en la ŝiplisto kiel kuracisto — » tiu protestis.

« Ne, sed mi tuj povus vin konvinkigi ke mi estas kuracisto — se vi volus min eldemandi. »

La ŝipestro kapsalute jesis, kaj la ŝipkuracisto komencis lin eldemandi.

« Ĉu vi funde pripensis kion vi intencas fari » ? demandis la ŝipestro. « Kredeble vi ne revenos vivanta ».

« Mi bone tion scias », Remson trankvile respondis.

« Nu », diris la ŝipestro, « en tia okazo vi povas interkonsenti kun la ŝipkuracisto kiom da medikamentoj vi bezonos. Se vi volus sendi salutojn al viaj parencoj kaj amikoj, vi tion povus senfadene fari. » « Dankon, sed mi ne havas ion por sendi. »

Rapidege disiĝis la sciigo en la ŝipo, ke unu sinjoro inter

la dua-klasaj pasaĝeroj — unu viro, kiun neniu konis, memvole proponis sian helpon por « Batavia ».

Tuj li fariĝis objekto de intereso kaj scivolemo de ĉiuj. Kiu li estas ? Kiun nomon li havas ? Ho, li estas kuracisto. Jes, ke li estas viro klera, tion ja lia aspekto kaj konduto montras. Sed tio estis ĉio, kion oni sciis pri li.

Kiam fine Remson alvenis sur la ferdekon, li devis trapasi du vicojn da scivolaj pasaĝeroj.

Li kun rekta teniĝo kaj levita kapo iris kiel persono, kiu estas konscia pri tio, ke li prenis sur sin riskan taskon, kaj kontraŭ-rigardis, sed, sen fiereco, la admirantajn rigardojn.

Ne returnante, li malsuprenpasis en la por li elektitan boaton kaj disiĝis de la ŝipo.

Per fortaj remtiroj li trapasis la akvon, dum la pasaĝeroj interesataj duone pendis sur la ŝiprando.

Kiam Remson estis veninta dekon da metroj de la ŝipo, eksonis la gongo en la maŝinejo, kaj « Scotland » ekfunkciiĝis malrapide.

« Feliĉan vojaĝon » ! ekkriis viro flirtante per sia ĉapelo. « Vi vere estas brava viro — ni neniam vin forgesos » !

Huraj kriegoj sonadis el la granda ŝipo, kaj la virinoj flirtis per la naztukoj. Remson reflirtis per la mano, kaj triumfa rideto vidiĝis en lia vizaĝo. Nun aivenas sinjorino, kiu estis vekita pro la hurakrioj kaj demandis : « Kio okazis » ?

Unu pli juna sinjoro, oni fingre montris al la boato, tiu sinjoro prenis sur sin tre danĝeran taskon — li estas kuracisto kaj memvole proponis sian helpon surŝipe en tife infektita ŝipo. Li vere havas kuraĝon.

« Kiu li estas » ? ŝi rapide demandis.

Li nomiĝas Remson — estas kuracisto kaj kunestis inter la duaklasaj pasaĝeroj. Plu oni ne scias pri li.

La sinjorino tute paliĝis en la vizaĝo. Sen unu vorto ŝi turnis sin kaj rapidis al la antaŭa parto de la ŝipo. Tie ŝi haltis kaj per la rigardo akompanadis boateton, kiu direktis sian vojon al « Batavia ».

Remson certe ŝin ekvidis, ĉar li subite sin levis en la boato kaj respekte levis sian sunkaskon.

La pasaĝeroj en « Scotland » kredis, ke tiu estas la lasta saluto, kiun li forsendas, kaj denove ili al li sendas huraadojn.

Sed la juna virino restis sur sia loko kiel ŝtonigita — ŝi lin vidis albordiĝi al la tifa ŝipo — poste leviĝis la flago en « Batavia », kaj de la antaŭmasto estis signalata : « Dankon por la helpo ».

Nun la pasaĝeroj disiĝis al ĉiuj direktoj en la ŝipo, la plej multaj eniris en siajn kajutojn por sin vesti por tagmanĝo. Sed la virino ankoraŭ restis sur sia loko. La distanco inter la ŝipoj pli kaj pli etendiĝis, kaj fine ŝi vidis « Batavia » kiel punkteton ĉe la horizonto.

Si malrapide klinas la kapon, genuiĝas ĉe la ŝipbordo kaj kaŝas la vizaĝon en la manojn.

« Ho, kial li ne antaŭe montris kuraĝon ? Si malespere plorsingultis. Kial li ĉiam sin montris tiel timema kaj malforta — kaj nun tiel kuraĝa en decida momento » ?

Unu mano metiĝas sur ŝian ŝultron. Si eklevas sin — ŝi estas la plej bona amikino, kiu ŝin akompanas en la vojaĝo.

« Mi ne povis vin trovi — mi ĉie vin serĉis. Mi timis, ke vi malsaniĝis pro la terura varmo. »

« Ne, respondis la virino apogante sin malpeze al la ŝiprando. « Vi ne sciis tion — neniu ĉi tie scias — sed tiu heroo, kiu albordiĝis ĉe « Batavia » estas — estas mia edzo. »

« Ĉu vi ne sciis, ke li estis surŝipe tie ĉi ? »

« Jes, — mi ĵus interparolis kun li — kaj intencis al li proponi rekomencon de kunvivado... mi nur ne sciis, ĉu li min amas, sed... »

« Vi ja ploras... »

« ... nun mi tion scias... »

---

El la sveda ĵurnalo « Vart Hem » « Nia hejmo ».

Tradukis E. Lundin.

---

**SIBILLA ORAKOLAS**

# Kion alportos la nova jaro ?

*Ŝi loĝas en ĉambreto de subtegment-etaĝo,*
*Ŝi estas sorĉistino kaj puto de mondsaĝo;*
*Por ŝi l'Estonta Tempo ne kaŝas plu sekreton,*
*Kaj antaŭ ol mi diris, ŝi konis mian peton.*

*« Vi volas scii kion la alvenanta jaro*
*Alportos interesan por l'Esperantistaro?*
*Pri tio tuj mi donos klarigon kaj informon,*
*Sed mi antaŭe falu en plej profundan dormon. »*

*Ŝi tiam prenis libron, (ĉar libron ŝi posedis),*
*Eklegis dek liniojn kaj lace jam oscedis,*
*Ŝi dormis.... kaj ekdormis eĉ dika araneo*
*Falinta sur la libron, la « Idoj de Morfeo »...*

*« Orakolo,*
*Karambolo,*
*Hum-kaj-bug'*
*De l'centrifug' »...*

*Mi vidas... ha, mi vidas urbegon ĉi rivero*
*Prepari la kongreson kun ĝojo kaj espero,*
*La Rejno ŝaŭme saltas ĝis super sia bordo,*
*Ĉar fine la kongreso — okazos en Oksfordo!*

*Mi vidas nun tri virojn, — aŭ eble estas kvaro, —*
*Jungitajn — (sed sen Teo!) — al ĉaro de Vortaro;*
*Venkitaj de la SAT'o jen ili tiras, puŝas...*
*Ho, Sankta Kabe, helpu, — ĉi tiuj kvar akuŝas!*

*Mi vidas nun ezokon kun grasiĝanta koro...*
*Ĉu tio parabolus pri C.K. kaj pri K.R.?*
*Jes, sane pumpas K.R. kaj pompe sanus C.K.,*
*Se ĝin ne juke ĝenus kelkfoje la N.K.K.*[1]

*Mi vidas... Dek mil homoj samkiel al spektaklo*
*Sin puŝas en lernejon avidaj pri l'miraklo,*
*Entuziasmo kreskas, triumfa ĝojo bruas,*
*Ĉi tie — tute simple — sinjoro Ĉe instruas...*

*« Orakolo*
*Karambolo,*
*Hum-kaj-bug'*
*De l'centrifug'... »*

Raymond SCHWARTZ.

---

[1] Tio signifas : « Notoj de Konstanta Kritiko ».

# LINGVAJ STUDOJ

## Simple kaj klare, oni petas !

Redaktoro de esperanta gazeto neeviteble vidas multajn skribaĵojn el ĉiuj anguloj de la mondo. Ankaŭ neeviteble li komparas kaj rimarkas. Nu la unua rimarko estas la mirinda unueco de la stilo malgraŭ tiom da malsamaj naciaj devenoj. Simile frapas la orelon de l' nova partoprenanto la elparola unueco en Universala Kongreso.

La dua rimarko tuŝas tiujn kelkajn montojn aŭ montetojn elaperantajn super la ĝenerala glata nivelo. Iuj estas la frapaj, trafaj, tuj kompreneblaj esprimnovaĵoj de niaj plej talentaj verkistoj, aliaj estas la malklaraĵoj haltigantaj la bonvolan leganton kaj malbeligantaj tekston per pezaj divenotaĵoj.

Tiajn elkreskaĵojn oni volonte razus for. Kelkaj venas el ne sufiĉe klara menso, aliaj el ne sufiĉa liberiĝo el nacilingva influo. Tria rimarko: Aŭtoroj aŭ tradukistoj el malgrandaj nacioj kutime respektas pli zorgeme la internacian unuecan kutimon ambaŭ en elparolo kaj en skriba stilo ol tion faras anoj el pli disvastigitaj lingvoj.

Hodiaŭ estu la unua riproĉeto al ni, franclingvanoj, poste al vi, germanlingvanoj.

La franca lingvo ŝatas substantivojn. Ĉar en ĝi la frazordo estas iom rigida kaj ĉiam simila, ĝi volonte esprimas agojn, ne per verkoj, sed per substantivoj, do plejofte verboj kun substantiviga sufikso. Ekzemple:

*Unu el plej rimarkindaj rimedoj por aplikado de tiu metodo dum kuirado estas la uzo de la jena instrumento kun konstanta rememoro pri sufiĉa kaj ofta buterumado.*

Nu, se niaj francaj oreloj aŭ okuloj kutimas tiajn frazojn, alilingvanoj ilin trovas terure malfacilaj. La Zamenhofa ekzemplo kaj la internacia kutimo ne toleras tiom da substantivoj anstataŭ verboj kaj preferas:

*Unu el plej rimarkindaj rimedoj por apliki tiun metodon dum oni kuiras, estas uzi la jenan instrumenton konstante rememorante buterumi sufiĉe kaj ofte.*

Tiamaniere pli da ekvilibro regas inter substantivoj kaj verboj kun granda profito por *klareco*. Samtempe vi ŝparas balastajn prepoziciojn kaj evitas tiajn malagrablajn frazojn kiel: *Tiam okazis la malfermo de la unua parto de la kongreso deper la urbestro de Nancy.*

Multe pli bele kaj klare diri: *Tiam unuan parton de la kongreso malfermis la urbestro de Nancy.*

Alia eco de la franca lingvo estas multfoje uzi la pasivan formon ĉe verboj:

*La kongreso estis malfermita de la urbestro de Nancy kaj ĉiuj postaj kunsidoj estis prezidataj de delegitoj el diversaj nacioj reprezentataj per pli ol cent partoprenantoj.*

Ne malbona estas la frazo, sed tamen ne tiom agrabla kaj flue komprenebla kiom Esperanto kapablas. La internacia kutimo certe preferas:

*La kongreson malfermis la urbestro de Nancy kaj ĉiujn postajn kunsidojn prezidis diversnaciaj delegitoj el tiuj landoj, kiuj havas pli ol cent reprezentantojn.*

Kial la franca lingvo tiom uzas pasivojn? Por ebligi certan ordon de la frazo. Ĉar ĝi ne posedas akuzativon, ĝi ne povas renversi la ordon de: *La kato manĝis nur unu muson.*

Se franca lingvo deziras insisti pri *unu nura muso* kaj meti tiujn vortojn komence, ĝi bezonas por tio la pasivan verbon, ĉar la subjekto nepre devas stari ĉe la komenco. Do:

*Nur unu muso estis manĝita de la kato.*

Sed Esperanto posedas akuzativon kaj tial povas simple renversi la ordon sen ŝanĝo de verba formo, sen aldono de superflua prepozicio:

*Nur unu muson manĝis la kato.*

Franclingvanoj, ni do forlasu troan substantivigon kaj pasivigon de la verboj. Esperanto nin devigis lerni la uzon de akuzativo. Ni do profitu ĝin por celoj de klareco kaj simpleco kaj forlasu ĝiajn anstataŭaĵojn multe pli komplikajn al oreloj kaj okuloj de ceteraj popoloj!

Nu al vi, germanlingvanoj, permesu afablan pledon de alinacianoj por pli simpla kaj pli flua ordo de la frazo en unu ĉefa rilato. Vi havas filozofan menson kaj bonan memoron. Vi povas en ĝi reteni la neceson por kompreni:

*La de mia onklino antaŭ du jaroj al mi donacita ombrelo troviĝas en la inter du pordoj lokita ŝranko.*

Nia malfeliĉa memoro ne kapablas elteni la spiron tiom longe. Helpu nin per afabla sekvo al internacia kutimo, preferante:

*La ombrelo, kiun mia onklino donacis al mi antaŭ du jaroj, troviĝas en la interporda ŝranko.* (aŭ: *la ŝranko inter la du pordoj*).

Vi ĝojis dum la antaŭaj paragrafoj kaj aplaŭdis bonajn konsilojn al franclingvanoj. Nu venas la tempo lasi ankaŭ al la franca lingvo ĝian meriton. Por tiuj kvalitigaj parentezoj, ĝia frazordo (sekva) estas malpli laciga ol la germana (intermeta). Intence mi ne uzas tie ĉi teknikajn esprimojn lingvosciencajn.

Cetere neniu devigas vin blinde sekvi francan ekzemplon, sed nur la internacian plej kutiman. Ĝi entenas interalie tiun oportunan eblecon krei kunmetitan adjektivon en eleganta formo: *interporda*, kiun la franca lingvo ne povus.

Estu ĉiam certa, ke oni komprenos vin ĉie pli facile, kiam vi diros « *la semon ĵetitan en printempo* » aŭ la « *printempan semon* » ol kiam vi lacigos aliajn per « *La en printempo ĵetitan semon* », kiu ne apartenas al nia komuna tradicio kaj kutimo.

Estas vere, ke D-ro Zamenhof uzis foje mallongajn tiajn esprimojn kiel « *La de mi provita plano* », kie li intermetis nur du malgrandajn vortojn inter artikolo kaj participo, sed en la daŭro de jaroj ankaŭ li mem pli kaj pli evitis tiajn intermetojn konstatante la ĝeneralan regantan kutimon nepre kontraŭan al ili.

Esperanto ŝatas intermeti adverbojn unuvortajn inter artikolo kaj adjektivo: *la malfrue pagita ŝuldo, la senlime vasta spaco*, sed se tiu parenteza ideo necesigas pli ol unu vorton, tiam ĝi preferas prokrasti la adjektivon (aŭ participon) post la substantivo kaj akcepti por tiuj parentezaj eldonoj la sinsekvan ordon: *la ŝuldo multe tro malfrue pagita, la spaco vasta sen mezurebla limo.*

Franclingvanoj kaj germanlingvanoj bonvolu pardoni la ĉisuprajn rimarkojn. Ili celas nur helpi al ĉiam plia unuecigo de niaj stilaj kutimoj kaj trovas sian pravigon en la internacia tradicio de nia lingvo.

Edm. P.

## Bonvolu atenti, leĝanto !

Kun la nuna numero estas sendataj:

1. Bulteno de la Internacia Labora Oficejo, N-ro 35.
2. Tabelo de enhavo por la jaro 1929.
3. Oficiala Informilo de UEA n-ro 2, Decembro 1929.
4. Aliĝilo por la 22a Kongreso en Oxford.
5. Varbilo-mendilo por Heroldo de Esperanto.

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## Esperanto kiel kongreslingvo

de F-ino M. Noll

En la lasta numero de *Esperanto* D-ro Privat skribas pri ĉi-tiu temo. Interlaborante kun TAGE (Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj) kaj kiel reprezentanto de la danaj esperantistoj mi deĵoris dum la kongreso de la « Nov-Edukada Movado » en Helsingör de la 8-21 Aŭg., kaj mi havis okazon studi ĉi-tiun demandon. Pri mia sperto rilate al enkonduko de Esperanto kiel kongresa lingvo mi deziras diri kelkajn vortojn.

La lingva ĥaoso regas en ĉiuj kongresoj, kaj ĝi estas la plej bona agitanto por nia lingvo. Ni uzu ĝin.

Pro tiu lingva ĥaoso, la lasta kongreso de « Nov-Edukada Movado » en Locarno 1927 rekomendis lerni Esperanton kaj uzi ĝin en la venonta kongreso en Helsingör. Ĉu la naciaj sekcioj faris ion por efektivigi ĉi-tiun rekomendon, mi ne scias, almenaŭ en Danlando oni ne konigis ĝin al la membroj. Ŝajne aliaj landoj ankaŭ faris nenion, alie ni estus trovintaj pli multajn esperantistojn inter la kongresanoj.

Mi vere renkontis esperantistojn, sed inter 2000 kongresanoj ili dronis. Ankaŭ estis malmulte da lertaj esperantistoj, kiuj vere povis traduki paroladojn, partopreni en diskutadoj, k.t.p. Aro estis novaj, kiuj ankoraŭ ne bone parolis la lingvon, aliaj malnovaj, kiuj dum jaroj ne praktikis (kial ne?) ambaŭ ne portis la stelon kaj ne kuraĝis montri sin kiel esperantistoj. Jen gravaj punktoj por kongresanoj: portu ĉiam la stelon kaj ekzercu antaŭ la kongreso.

Malgraŭ la granda laboro de TAGE kaj ĝia energia sekretario, S-ro Goldberg, por havigi al la kongreso tradukistojn de la diversaj lingvoj, ĉio subite ŝajnis haltiĝi. La kongreso ne bezonis Esperanton, la grandaj paroladoj ne estos tradukataj, kaj resumoj de la paroladoj jam estis presitaj en la 3 lingvoj krom la skandinavaj (sufiĉe por ĉ. 40 nacioj). Oni ankaŭ petis nin resumi en Esperanto. Pro iu kaŭzo oni forlasis ĉi-tiun decidon.

Rekta interrilato kun la prezidanto de la kongreso, S-ino Ensor, restarigis la laboron. Ŝi petis min traduki en la studgrupoj aŭ kursoj, se oni demandas pri traduko. Nur unufoje mi servis kiel tradukisto en la grupo de Prof Ferrière, en alia grupo mi havis okazon fari demandon en Esperanto dum la diskutado.

Mia ĉefa laboro dum la kongreso estis ĉiutage traduki la oficialajn sciigojn de la programo. Ili estis skribitaj sur nigrajn tabulojn en angla lingvo, kaj la sola traduko estis en Esperanto sur tabulo, kiu staris flanke de la angla. En la akceptejo, en la kastelo Kronborg kaj en la banloka hotelo Marienlyst staris la tabuloj kaj propagandis nian lingvon; ĉitiu propagando estis la plej bona dum la kongreso. Mi rekomendas, ke oni faru la saman en ĉiuj kongresoj. Oficiale oni nur uzis la du lingvojn, kaj se la aliaj nacioj deziris tradukon, ili mem povis tion fari.

Ĉi-tiu aranĝo montris sin praktika, mi ofte vidis romaneparolantajn homojn legi la Esperanto tabulon, kiun ili pli bone komprenis ol la anglan, kaj mi eĉ vidis anglojn legi la Esperanto — tabulon, ĉar mi ĉiam tradukis la titolojn de la anoncitaj paroladoj en Esperanto; la anglaj sekretarioj ĉiam skribis ĝin en la parolata lingvo, kiun la angloj ne komprenis. Mi spertis, ke la plej multaj tre facile legis Esperanton, kaj ĉar kongresanoj ĝeneralaj estas lingvosciantoj, oni facile povas transiri al nura afiŝado en Esperanto.

Skribante la tabulojn mi ĉiam havis la okazon fari propagandparoladetojn kaj disdoni propagandilojn, kiuj afable estis senditaj al mi en angla, franca, germana kaj dana lingvoj.

Bona propagando en kongreso estas demonstracio por montri kiel facile oni povas diskuti en Esperanto. Tian kunvenon ni havis dum ekskurso de la kongreso en Helsingborg, kie oni afable estis doninta al ni ĉambregon en la urbdomo. Samideanoj el diversaj nacioj diskutis la temon: « Edukado al internacia kompreno » enkondukata de rektoro Sam Jansson el Stockholm. Prof. Findlay el Manchester afable akceptis la honoran prezidon de la kunveno, kiu sendis rezolucion al la kongreso pri pli vasta uzado de Esperanto en la venonta kongreso.

En la fino de la kongreso sukcesis al ni demonstracii kelkajn lecionojn en Esperanto laŭ la Ĉe-metodo kun S-ro Morariu kiel instruisto. Pro la troŝarĝita programo ne estis eble antaŭe aranĝi tutan kurson, kaj la membroj ankaŭ jam estis okupitaj en aliaj kursoj kaj studrondoj, tial nur malmultaj ĉeestis, sed la alvenintaj admiris la metodon kaj tre interesiĝis.

Tiaj kursoj estas tre rekomendintaj dum ĉiuj kongresoj, sed nur laŭ la Ĉe-metodo, kiu en la plej mallonga tempo atingas la plej bonan rezultaton, kaj ĝi montras al la dubantoj, ke nia lingvo vere estas facile lernebla. Sed la kursoj devas esti anoncataj en la kongresa programo kaj devas komenci tuj. Precipe tiuj novaj movadoj, kiuj esprimis rekomendon de Esperanto ne devas preterlasi la okazon montri al siaj membroj, kiel facile ili povas lerni ĝin.

Celkonscia laboro de eĉ malgranda aro de esperantistoj certe donas rezultaton en kongreso. En la Nov-Edukada kongreso mi trovis bonajn helpantojn: Unuavice Prof. Ad. Ferrière, prez. por la romane parolantaj nacioj, kies voĉo en la plej alta konsilantaro kompreneble forte apogis nin. Ankaŭ Prof. Findlay fidele helpis i.a. kun la starigo de la Ĉe-kurso, kaj li mem en sia parolado pri « Internacia kompreno pere de lingvoj » montris, ke Esperanto malfermas la tutan mondon al ni, ke ĝi estas la sola rimedo al vera internacia kompreno. Tre prave la profesoro diris: « Se en niaj rondoj ni ne realigas la penson pri mondlingvo, la demokratio tion faros, ĉar ili bezonas ĝin, ili volas ĝin, kaj ili jam komencis la realigon. »

Mi povas citi multajn aliajn helpantojn, kiuj disdonis la multajn propagandilojn. Nelacigeblaj helpantoj estis ankaŭ Prof. Simon el Vieno, S-ro Bugge-Paulsen el Oslo, S-ro Morariu, F-ino Mary Riley, el Anglujo, D-ro Kurt Riedel, redaktoro de Pedagogia Revuo, kiu mem resumis sian paroladon en Esperanto kaj niaj svedaj samideanoj, kiuj tiel bone aranĝis la akceptadon en Helsingborg okaze de la demonstracia kunveno.

La rezultato de niaj klopodoj aperis en la demandaro, kiun la kongreso elsendis al ĉiuj partoprenintoj por sugestii novajn labormetodojn kaj aŭdi opinion pri la aplikataj. Unu el la demandoj estis: Ĉu vi estas kontenta pri la nuna tradukmaniero? kaj alia: Ĉu vi konsideras, ke Esperanto devas esti sola traduklingvo?

---

## Hindo prelegas en Esperanto

Ĉie el Svedujo venas entuziasmaj raportoj pri la esperantaj prelegoj de juna Hindo, S-ro Sinha, kiu rakontas pri sia lando kaj pri la homarana idealo de grandaj hinduistoj kiel Gandhi kaj Tagore, ankaŭ pri la hejma ŝpinado de kamparanoj.

Tiuj paroladoj en nia lingvo ne nur helpas al kompreniĝo inter Okcidento kaj Oriento, sed ankaŭ al propagando de Esperanto mem. Post amika informiĝo, ni varme rekomendas al esperantistaj grupoj tra tuta Eŭropo inviti nian hindan samideanon al prelego (kun eventuala resumo en via nacia lingvo por allogi eksteran publikon). Skribu al S-ro Malmgren, Heleneborgsgatan 6, Stockholm.

## :: Naciaj Kongresoj ::

### 8a Hispana Kongreso, Oviedo

Plensukcese okazis la 8a Nacia Kongreso de Esperanto. Ĝin ĉeestis la fama hispana aviadisto Kolonelo Herrera, Kunvojaĝinto de D-ro Eckener, Komandanto de « Zepelino », dum la unua oceantransfluego, kaj ankaŭ du simpatiaj francaj samideanoj.

El la partoj de la Kongresprogramo estas menciinde la *Internacia Ekspozicio de Laboraj Faritaj de Geinfanoj en Lernejoj*, kiu vekis grandan intereson inter la geinstruistoj de la tuta provinco. Gravan antaŭenpaŝon signifis tiu ekspozicio, ĉar kaŭzis bonegan impreson ke la tutan ekspoziciigitan materialon liveris Esperantistaj Instruistoj. La inaŭguracian paroladon faris la ĉi-tiea Inspektoro de Elementa Instruado A. J. Onieca deklaris elokvente sian konscion pri la utileco de la lingvo Esperanto por kia ajn interrilatiĝo.

La premioj konsistintaj el monkvantoj kaj bonaj literaturaj kaj artaj verkoj (ĉi tiuj donacitaj de la Instrua Ministerio), oni aljuĝis jene:

1a. — Ila Lernejo, el Oslo (Norvegujo).
2a. — Nacia Lernejo, el Gilena, Sevilla (Hispanujo).
3a. — Lernejo el Holbäk (Danujo); kaj
4a. — Nacia Lernejo *Altamira*, el Oviedo (Hispanujo).

Ankaŭ oni disdonis meritajn diplomojn al aliaj. La landoj reprezentitaj de la lernejoj estis 14.

La Aŭtoritatuloj bone akceptis la Kongresanaron.

Por profiti la nunan favoran atmosferon, malfermiĝos diversaj kursoj.

---

### Unua Esperantista Kongreso de Bialystoka Vojevoda regiono

Tiu kongreso okazis je la 26-27 de Oktobro en Bialystok la naskiĝloko de D-ro Zamenhof kaj centro de esperantista aktivecco. Protektis la kongreson la urbestro S-ro Hermanowski kaj partoprenis pli ol cent personojn el 15 diversaj lokoj. La malferma kunveno okazis en la salono de la Urba konsilantaro kaj prezidis ĝin S-ro Ŝapiro. Partoprenis ankaŭ D-ro Feliks Zamenhof; alparolis la kongreson la reprezentantoj de la aŭtoritatoj kaj estis legitaj salutleteroj kaj telegramoj el la tuta lando kaj el eksterlando. En la laborprogramo troviĝis prelego de S-ro Placek pri « La nuna stato de la Esperanto Movado », Inĝ. Chmielinski parolis pri « La instruebleco de Esperanto en la Bialystoka vojevoda regiono ». Komuna fotografado, vizito de la Zamenhofa domo kaj komuna tagmanĝo. Poste prelegis en laborkunsido S-ro Kurjanski pri la temo, « Organizaj kaj propagandaj problemoj ». S-ro Ŝapiro, ĉefdelegito de UEA parolis pri tiu organizaĵo kaj la neceso de forta subteno per multnombro aliĝo. Propaganda parolado en pola lingvo farita de D-ro K. Wittik trovis grandan atenton ĉe la multnombra publiko. Estis alprenitaj jenaj decidoj: Peti subvencion de la urbo por la instruado de Esperanto; Iniciati aĉeton de la Zamenhofa domo, okazigi la sekvontan kongreson en Lomza, kaj esprimi la honoran dankon al S-ino Mejlaĥ por ŝia klopodo pri la restarigo de la loka movado. Fine parolis ankoraŭ la reprezentantoj de la grupoj kaj D-ro Feliks Zamenhof. Teatra prezentado de originala esp. revuo « Nia ĝardeno ». Prologo-Epilogo, opereto « Ho tiuj fremduloj » ambaŭ de F. Hiller, fine balo kompletigis la vesperon. Ĉiuj disiris kun kontenteco. La kongreso multe impresis en la urbo.

## Kunsido de la Esperanto-Asocio de saksaj Geinstruistoj

La jarkunsido okazis en Zittaŭ je la 9-a de Novembro. Malfermis la kunsidon Lernejestro W. Hahn, Gohlis-Dresden, la prezidanto de la Asocio. Li salutis la honorgastojn precipe D-ron Kraner, Supera lerneja konsilanto, Profesoron Dietterle kaj Superan poŝtkonsilanton Behrend. El la jara raporto konstatiĝis ke ŝatindaj progresoj estis realigitaj dum la nuna jaro. Dank' al kunhelpo de D-ro Kraner, la Ministerio por popola klerigado denove subvenciis la Asocion. Ĝis nun estis ekzamenitaj 134 geinstruistoj. Serioze oni klopodas pri la eldono de la verko « Kulturologio » de Gustav Klemm en Esperanto. Kasraportoj estis aprobitaj kaj la estraro aklame reelektita. Parolis Profesoro D-ro Dietterle pri « Niaj rilatoj al eksterlando ». D-ro Riedel raportis pri la Pedagogia Revuo, kiun li redaktas. Skizas intencon igi tiun revuon koncentrigilo de ĉiuj pedagogiaj metodoj sciencaj kaj informilo pri ĉiuj gravaj pedagogiaj verkoj.

Post la kunsido la Porfremdula Asocio de Zittaŭ prezentis filmon pri la urbo kaj la montaro, pentrinda angulo de la Saksa Lando.

#### Kunveno de la Saksa Ligo

Dimanĉon, 10an de Novembro en Zittaŭ kunvenis en la ŝtata realgimnazio la reprezentantoj de la saksa ligo. Prezidis metia instruisto Naumann en Grossenhain salutinte la gastojn. Jara raporto detale prezentita montris kontentigan progreson de la afero. Parolis D-ro Döhler, Riesa, pri « Esperanto en la Praktiko » rakontinte multon el persona sperto el rilatoj kun samideanoj en ĉiuj landoj.

(Max Sykora.)

---

## Ministeria rekomendo

Helena Respubliko
Ministerio de la Instruado
kaj de la Kultoj
N° 55527

Ateno, la 28. de Oktobro 1929.

Pri instruado de Esperanto al la Lernejo de Duagrada Klerigado.

Al la Generalaj Inspektoroj de la Publikaj Lernejoj,

Konsiderante la gravecon, kiun ĉiutage akiras en la civilizita mondo la lingvo Internacia Esperanto, per sinsekvaj dokumentoj ni rekomendis al la ĝenerala Inspektoro de la Publikaj-Asocioj de Ateno ke li permesu al la Prezidanto de Helena Esperanto-Asocio, S-ro D-ro A. Stamatiadis, instrui Esperanton al la lernantoj de Gimnazioj kaj Instruistaj Institutoj de Ateno kaj Pireo kaj je horoj dum kiuj ili estos liberaj.

Lastatempe D-ro Stamatiadis informis nin, ke ankaŭ en aliaj urboj de Grekujo jam ekzistas personoj, kiuj povas preni sur sin la instruadon de Esperanto kaj li pteis, ke ni rekomendu al vi ke vi donu vian apogon por ke la instruado de la nomita lingvo komenciĝu ankaŭ ĉe vi.

Sekve ni vin petas rekomendi al la Direktoroj de la Lernejoj de la Mezgrada Instruado de via Distrikto, ke ili permesu al la lernantoj, kiuj deziras, sekvi la Esperantan kurson, esti instruataj de personoj aparte elektotaj de Helena Esperanto-Instituto.

*La ministro:* subs.: K. Gondikas.

Por kopio konforma al la originalo samtage,

*La Diviziestro:* subs.: Kamperis.

# DRESDEN KAJ ĜIAJ ESPERANTO-KONGRESOJ

Je Pentekosto 1930 okazos en Dresden la *19a Germana Esperanto Kongreso*. Tra la tuta mondo sonas la invito:

**VENU DRESDENON ! KORAN BONVENON !**

Tio estas la sama invito, kiu unuafoje en 1908 altiris al Dresden pli ol 1.500 Esperantistojn el 46 nacioj, la sama invito, kiu en 1911 unuigis en la tiama Internacia Ekspozicio de Higieno kelkajn centojn da Samideanoj por antaŭkongreso de la 7a Universala Esperanto-Kongreso Antverpena same kiel baldaŭ post la milito en 1921 por antaŭkongreso de la 13a Universala Kongreso de Praha. Tiu sama invito venigu, tion esperas la Dresdenaj Esperantistoj, dum la Pentekostaj tagoj 1930 denove multajn germanajn Samideanojn al Dresden, por priparoli la asociajn aferojn de *Germana Esperanto-Asocio*, por ĉeesti la jarĉefkunvenon de la *Unuiĝo de Germanaj Esperanto-instruistoj* plie kunvenon de l'UEA membraro germana kaj por kunesti en interŝanĝo de opinioj harmonie *kun gastoj diversnaciaj* sub la paciga stelo de Esperanto en la dua *Internacia Ekspozicio de Higieno* kaj viziti la ĵus inaŭguritan *Germanan Muzeon de Higieno*.

Tiu nova Dresdena Esperanto-Kongreso rajtigas mallongan rerigardon al la supre menciitaj antaŭaj Esperanto-Kongresoj en Dresden, eĉ al la tuta evoluo de nia afero en ĝiaj rilatoj al la saksa ĉefurbo, kiu en Esperantujo ĝuas bonfamon kiel firma kaj vigla centro de nia movado.

Nur en 1906 fondiĝis la « *Societo Esperanto Dresden* », el kies fondintoj vivas ankoraŭ en Dresden nia altŝatata S-ino *Marie Hankel*, nun pli ol 85jara kaj ĉiam ankoraŭ gvidanta sian grupon kaj atente observanta la movadon. La agado de la juna Dresdena unuiĝo baldaŭ konatiĝis tra Germanujo kaj trans ĝiaj limoj, tiel ke *1907* jam okazis en *Dresden* la *2a Germana Esperanto-Kongreso*, ke la samjara 3a Universala Esp. Kongreso en Cambridge decidis, aranĝi la *4an Universalan Kongreson 1908 en Dresden* kaj ke la estraro de Germana Esperanto-Asocio ĝoje konsentis tiun decidon. Kiom grava ĝuste en tiu tempo danĝera al nia afero pro la ideoj kaj celadoj de la reformistoj estis kongreso bone sukcesanta, ni hodiaŭ apenaŭ povas prijuĝi — sufiĉu konstati, ke la tiama konfeso de la kongresanaro por neŝanceligebla fideleco al la fundamento Zamenhofa savis Esperanton de certa pereo kaj estis grandparte dankata al la konvinkiga impreso de la perfekte organizita kongreso! Depost tiu Dresdena kongreso ne plu estis eble, endanĝerigi nian aferon pro demandoj lingvaj aŭ aliaj! Krome la « Kvara » estis epokfaranta pro la unua prezentado de nacia klasika verko en Esperanto. La « *Ifigenio* » de Gœthe estis en majstra traduko de Zamenhof ludata de *Emanuel* kaj *Hedwig Reicher* kun kelkaj aliaj germanaj aktoroj en la fiera Dresdena Reĝa Operejo, kaj la impreso estis tiom profunda, ke konvertiĝis multaj ne-Esperantistoj same kiel tiuj el la Esperantistaro, kiuj opiniis, ke Esperanto kiel helplingvo ne taŭgas por tia alta tasko. De post la Dresdena sukceso preskaŭ ĉe ĉiuj Universalaj kongresoj estas luditaj seriozaj dramoj el la literaturo de la kongreslando en Esperanto antaŭ multnacia aŭdantaro!




En la Teknika Altlernejo de Dresden en Aŭgusto 1908 ankaŭ la *Universala Esperanto-Asocio* havis sian unuan — fondiĝan — kunvenon, kaj ĝia evoluo gravega por nia ĝenerala movado datas de tiuj Dresdenaj tagoj, malgraŭ ke tiam ne ĉiuj gvidantoj de Esperanto povis ĝuste kaj juste prijuĝi la signifon de tiu nova organizaĵo.

Tuj post la Dresdena Kongreso 1908 fondiĝis kun helpo de Dresdenaj grandkomercistoj kaj industriuloj kiel *Georg Arnhold*, *Marwitz*, *Collenbusch*, *D-ro Steche* k.a. la *Saksa Esperanto-Instituto*, kiun gvidis unue Profesoro *Dr. Schramm* kaj el kiu evoluiĝis la nun en Leipzig sub energia kaj lerta mano de Prof. *D-ro Dietterle* funkcianta *Germana Esperanto-Instituto*, bonfama en tuta Esperantujo pro ĝia scienca labormetodo kaj la modela organizo de la Esperanto-ekzamenoj en Germanujo.

Multaj gravaj partoj de nia Esperanto-movado radikas en Dresden. La intima ligado de Esperanto kun Dresden kaj Dresdenaj Samideanoj estis plifortikigita per tio, ke multaj Dresdenaj Esperantistoj aktive kunagadis en la gvidado de Germana Esperanto-Asocio kaj de niaj Internaciaj Esperanto-organizaĵoj. Dum la Dresdenaj antaŭkongresoj en 1911 kaj 1921 estis en privataj interparoladoj, en komisionaj kaj plenaj kunsidoj pritraktataj la tiam aktualaj demandoj de organizo internacia, kaj certe kelkiu el la ideoj tie interŝanĝitaj helpis al la fina solvo de tiu grava problemo.

Kora akcepto de la Esperanto-amikoj en nia bela urbo, agrabla kaj harmonia kunesto en samideana rondo, serioza, fruktodona laboro por nia kara afero estis la ecoj de la ĝisnunaj Dresdenaj kongresoj. Sub la samaj signoj staru — tion sincere deziras la Loka Kongresa Komitato Dresden — nia 19a Germana Esperanto-Kongreso, por ke ĝi servu kiel ĝiaj antaŭuloj por la bono kaj beno de Esperanto! Venu Dresdenon! Koran Bonvenon!

LKK Dresden 1930.

## Faka Movado

### Senalkohola kulturo

Esperantista Laborkomitato fondita en la fakkunsido de Abstinenculoj dum la XXIa, celas: Pli intensan kunlaboron de la esperantistaj abstinenculoj diverslandaj, atentigon en ĝeneralaj esperantista rondoj je la graveco de la alkohol-demando, interŝanĝon, kolekton de raportoj (presaĵoj) koncerne alkoholismo kaj kontraŭbatalo de l'alkoholo (leĝdono, eduko, gazetaro) tradukon de tiaj raportoj en la fakaj gazetoj de la nacie organizitaj alkoholkontraŭuloj, atentigo en tiuj rondoj je Esperanto, internacia helpilo... k.a. Prezidanto estis elektita:

S-ino A. Bramkamp-Weber, instruistino, Scheveningen, Pansierstr. 22. Nederlando, *Centro provizora Vieno*, tiea Sekretario S-ro W. Mudrak, Wien, VIII., Strozzig. 19, Aŭstrio.

---

## Al la Esperantista Virinaro

(*Komuniko de la « Unuiĝo de esperantistaj virinoj ».*)

La virina kunveno dum la kongreso en Budapest decidis unuigi la virinojn esperantistajn por du celoj:

1.) Helpo por akiri rajtojn al la virinoj; 2.) Antaŭenigi la pacmovadon.

En tiu senco mi redaktis regularon kaj petas aprobon:

1.) Ĉiu anino de la « Udev » havas la devon morale helpi la unuiĝon en ĝia laboro.

2.) La « Udev » havas la devon helpi, t.e. doni moralan apogon al siaj aninoj dum ilia lukto por virinrajtoj kaj dum ilia laboro en intereso de l' paco.

3.) La aninoj de la « Udev » interrilatiĝu kun la feministaj societoj kaj helpu ilin dum lukto por virinrajtoj kaj paclaboro.

4.) La aninoj de ĉiu lando elektu inter si korespondantinon, kiu havos la devon informi la sekretarinon de « Udev » pri nove akiritaj rajtoj de virinoj kaj pri paŝoj faritaj en interese de l' paco.

5.) La sekretarino havas la devon sciigi — pere de la gazetoj — al la « Udev » pri la novaj akiritaj rajtoj aŭ pasoj en intereso de l' paco en ĉiu lando.

6.) La sekretarino havas la devon fari ĉiujare raporton pri la plenumita laboro, pri stato de l' kaso kaj laŭtlegi ĝin dum la virina fakkunveno de l' kongreso. (En kazo de neĉeesto, ŝi sendu la raporton al anstataŭantino.)

7.) La « Udev » kiel tuto kaj siaj aninoj unuope havas la devon antaŭenhelpi la pacmovadon t.e. influi siajn idojn aŭ lernantojn en tiu senco.

8.) Dum laboro por virinrajtoj aŭ en intereso de l' paco la aninoj de « Udev » havas la devon oficiale akcenti, ke ili agas en nomo de la « Udev ».

9.) Ĉiu anino havas la rajton peti moralan apogon kaj konsilon de la « Udev » por sia agado, ĉu en paca kampo, ĉu dum lkto por virinrajtoj.

10.) Ĉiu animo havas la devon pagi la modestegan jarkotizon.

---

Proponojn por plibonigo aŭ pligrandigo de tiu regularo oni bonvolu sendi al mia suba adreso.

S-ino Nora Kozma,
Budapest VI., Andrássy ut. 5.

# Esperanto en Egipto

En la Oktobra numero ni povis informi pri la sukcesa propagando farata de Sinjorino Nicolaidis en Zagazig. Tre vigle laboras la grupo en Port Said kaj ekzistas izolaj samideanoj en pluraj lokoj de Egipto, ekzemple en Siut kaj Khartum. Hodiaŭ ni povas komuniki leteron de S-ro Yazdi en Kairo:

LA FONDINTOJ DE LA EGIPTA ESPERANTO-SOCIETO



*1. S-ro A. Musad, prezidanto. 2. S-ro Yazdi, sekretario.*
*(Meze F-ino Root el Usono.)*

« Ĝis nun estis neeble meti en kontakto la esperantistojn de Kairo. Sed la Delegito en Port Said profitis de la vizito de F-ino Root al tiu ĉi urbo por aranĝi kunvenon. Li invitis ĉiun esperantiston per letero al Hotelo Bristol, 19.XI.29 por prezenti al la usona samideanino. La kunveno tre interesa kaj tre vigla finis per fondo de Egipta Esperanto Societo.

(A. YAZDI.)

# Esperanto en Meksiko

La esperantistoj en la meksika Respubliko festis dum aŭtuno 1929 la 25 jaran datrevenon de la enkonduko de Esperanto en ilian landon. Ni posedas ekzempleron de la broŝuro-prelego de D-ro Ambrosio Vargas pri la Zamenhofa lingvo en 1904. Al tiu sindona pioniro de nia movado ni sendas koran gratulon kaj dankesprimon pro ĉio, kion li faris por nia afero. Al ĉiuj liaj kolegoj kaj sekvintoj ankaŭ nian amikan saluton kaj bondeziron!

Estas kuraĝigo, konstati ke la datrevena ceremonio kune kun parolado de D-ro Vargas okazis en la Civitana Centro Alaro Obregon kaj estas anoncita en la bele ilustrita oficiala programo eldonita de la Direktoro de Civitana Reforma kaj Kultura Agado, registara fako.

# EKVADORO

La plurjara propaganda de la ICK en Ĝenevo je distanco kaj la reserĉado pri antaŭmilitaj esperantistoj pli kaj pli montras fruqtojn. En Quito nun rekomenciĝas movado per starigo de vesper-kursoj. Fervoraj propagandistoj en ĉi-tiu urbo estas S-roj J.E.A. Ortega y Herrero kaj Galo Marín.

# *En kelkaj linioj...*

Dum 12-15 Septembro 1929 okazis en Amsterdamo la Kongreso de la Universala Framasona Ligo, kiu laŭ raportoj de la loka gazetaro havis bonegan sukceson. La malferma parolado estis farita ankaŭ en Esperanto. Esperantistaj framasonoj kiuj ne partoprenis la kongreson bonvolu konigi sian adreson al S-ro H. De Jonge, Predikanto, Bergen op Zoom, Nederlando aŭ al S-ro J. E. Bunzl, Praha VII, Delnicka 40, Ĉeĥoslovakio.

*** La R. K. Unuiĝo de profesoroj por progresigo de komerca instruado « R. K. Vereeniging van Leeraren tot bevordering van het Handelsonderwijs » enmetis en sian programon de ekzamenoj ankaŭ Esperanton apud aliaj nacilingvoj. Informojn oni petu de A. J. Spierings, Ververstraat 9, 's Bosch (Nederlando). — W.v.Z.

*** Aperas dum nuna monato filatelista kaj kolektanta gazeto. La financa bazo de la eldonaĵo estas certigata. Ĝi aperos dum 1930 minimume sesfoje, 8 paĝoj kun kliŝoj. Abonprezo ½ usona dolaro kio rajtigas je nunfoja senpaga anonceto. La gazeto estos senpage sendota al 212 grupoj en 201 grupoj en 201 urboj de 45 landoj. Oni skribu al

D-ro Jozefo Takacs, Del. de UEA
Nagymaros, Hungarlando.

## :: Turismo kaj Esperanto ::

### Turisma Oficejo

En Firenze samideano Carlo Rossini organizis Esperantistan Oficejon kiu senpage zorgas informadi samideanojn vizitantajn la naskiĝurbon de Dante, la ĉefa urbo de itala Renesanca arto.

S-ro Rossini jam helpis al multaj eksterlandaj gesamideanoj organizante por ili programon de vizito en la urbo, ekskursajn al ĉirkaŭaĵo, kaj zorgante je tre utilaj komercaj informoj rilatantaj firmojn el Firenze.

La menciita tursima oficejo aliĝas al la Itala Esperantista Federacio.

Detalajn informojn petu al: Carlo Rossini, 18, Via Pinzochera, Firenze (Italujo).

### Faka revuo en Esperanto

La Internacia Transportlaborista Federacio (I.T.F.) en Amsterdam dissendis Esperantlingvan cirkuleron al ĉiuj siaj membroj, kiuj interesiĝas je Esperanto. Ni ekstraktas la jenon:

« Esperanto estis akceptata kiel unu el la lingvoj en kiuj la
« sekretariejo korespondas; en la diverslingvaj gazetoj de la
« I.T.F. aperis regule Esp. rubriko kaj per tio estas vekita
« intereso por Esperanto en niaj rondoj. Sed ĝis nun ankoraŭ
« ne tiom, ke la I.T.F. povis plenumi la deziron, aperigi siajn
« informaĵojn ankaŭ en E. »

Nun ni estas pretaj, konsiderante la ĉiam kreskantan intereson por Esperanto, iri gravan paŝon antaŭen kaj proponi al la I.T.F. estraro, ke ĝi pripensu la eldonon de monata gazeto tute esperantlingve. Sed antaŭe ni devus esti certaj pri la kunlaboro de la Esperantistoj mem. La eldono de tia gazeto sendube servas al la interesoj de la I.T.F. sed tamen ĝi havas gravan signifon por la Esperanto movado. Tiu-ĉi gazeto kun amplekso de la paĝoj ne nur devus enhavi la plej gravajn el la artikoloj, kiuj nun aperas en la I.T.F. gazetoj (en 5 aliaj lingvoj) sed ĝi samtempe povus fariĝi la centro de la Esperanto interesoj inter niaj membroj tra la tuta mondo.

Nia intenco estas efektivigebla, se ni povas kalkuli je 1.500 abonantoj. Tiam la abonprezo estus F. 2.50 jare (egalvalore estas RM 4.25, £ 4/2, sv. Kr. 3,75, sv. Fr. 5.25.) Informojn oni petu de I.T.F., Vondelstraat 61, Amsterdam-West (Holando).



### Enigmo

Solvo de l'enigmo aperinta en N-ro 349:

*Urb — Rubo — Boru — Buro.*

Solvon sendis: H. Bonnevie, Oslo.

## Oni dankas

*** Profesoro A. Kenngott, Delegito de UEA en Austin Texas kore dankas al F-ino Ilonka Duka en Budapesto por afabla gvido tra la urbo kaj montro de ĉiuj belaĵoj. Multan dankon li ŝuldas ankaŭ al la ĉiam helpema ĉefdelegito, Sinjoro Paŭlo Balkányi por gvido de postkongresa grupeto tra la senkompare ĉarma ĉirkaŭaĵo de Budapeŝto. Ne malpli koran dankon li ŝuldas al la sindonema VD de UEA en Linz, Aŭstrio S-ro Josef Mrás, al tre kompleza komerca Delegito Dir. Wanneck kaj al afabla polic-inspektoro Meisleder. Treege afablan akcepton kaj servon li ankaŭ spertis en Genevo flanke de la meritplena Direktoro de UEA, kaj de la oficistaro.

*** S-roj Josi Richter, Trautenau kaj Bruno Gahler, Del. de UEA en Reinowitz (Ĉeĥoslovakujo) koregе dankas por afablega gvidado dum vojaĝo tra Alsaco: al S-ro delegitoj E. Jung en Strasbourg, E. Zimmermann en Colmar kaj A. Barondeau en Mulhouse kaj same al S-ino Tissot en Basel kaj S-ro E. Gehrer en Bregenz por donitaj informoj.

*** La Nederlandanoj, kiuj partoprenis la kunvenon de la « Nordmara Ligo », Dimanĉon, la 20an de Oktobro en Leer (Germanujo) esprimas sian tutkoran dankon al la simpatiaj anoj de tiu Ligo kaj precipe al la senlaca, helpema kaj fervorega Delegito de la UEA en Vechte (Oldenburg), S-ro Friedrich Piper, pro la afabla akcepto kaj la bonegaj aranĝoj. — P. Hendricks, Del. en Leeuwarden.

*** S-ro Robert Bloch, Praha (Ĉeĥoslovakujo) sincere dankas por diversaj servoj faritaj dum la aranĝoj de la postkongresa karavano al Praha al S-roj fratoj Tolnai, Budapest, S-ro Karel Zidek, oficisto de ĉs. ambasadorejo en Budapest, al Soĉne kaj al S-ro prof. Stanislas Stejskal en Praha.

*** S-ro Ivan Jord Markov, Delegito de UEA el Popovo (Bulgar.), esprimas plej korajn dankojn al S-ro Kemal Zütfi en Konstantinoplo por afabla akcepto kaj servoj dum restado.

*** Emil Zuberbühler, Delegito de UEA en Nesslau, Svislando, plej kore dankas al ges-roj Palsberg kaj S-ro Ebbesen en Aarhus, S-ro Friis en Aabyh, S'roj John Bernstson, Carl Greek, A. Cronquist, Ernst Nilsso kaj Tage Gunnarson en Malmö, S-roj Eriksson, Johansson kaj Sjöholm en Stockholm pro tre sindona helpo kaj afablaj servoj dum restado.

*** S-ro G. Saget, D. en Elbeuf (Francujo) tutkore dankas al la ĉi-sube nomitaj S. anoj de Germanujo kaj Ĉeĥoslovakujo kiuj helpis, akceptis kaj servis lin dum lastoktobra afera vojaĝo: S-ro Händler, D en Höchst s.l. Majno; — S-ro Schutkowski, D kaj la grupanaro de Frankfurt s.l. Majno; — S-ro Kötz, Prof Dietterle, S-ro Gräfe, S-ro Teuchner kaj aliaj s. anoj de la Leipziga grupo; — S-ro Knoll kaj la Zittau'a grupanaro; — S-ro Prof Scholze, D. en Reichenberg; — S-ro Wisheit, D. en Guben.

*** S-ro J. E. Bunzl, Ano de UEA en Praha kore dankas S-ron D-ron Paul Kempeneers, Delegiton de UEA en Bruselo por gastama akcepto, al S-ro Bondix, D. de UEA en Amsterdam kaj al S-ro V. Grimmitt, VD en Londono por valoraj informoj dum vojaĝo.

*** S-ro Friedrich Ellersiek, membro de UEA en Berlin, korege dankas S-ron Ferran Montserrat VD en Bacelona pro lia oferema helpo. S-ro E. estis tie kun neesperantista Mossekaravano, por viziti la mondekspozicion. S-ro Montserrat disponigis sin al la karavano, ĉu gvidante partoprenantojn tra la ekspozicio, ĉu vizitante kun ili vidindaĵojn kaj amuzejojn, ĉu helpante ĉe aĉetoj. La fakto, ke li kaj S-ro E. flue parolis E-on kaj tiamaniere bonege interkompreniĝis sen tio, ke unu scipovis la gepatran lingvon de la alia, faris grandan efikon al la karavano. La du E-istoj helpis per sia lingvo al la karavano pli bone ol la oficialaj gvidistoj dungitaj de la karavanestro.

# Esperantista vivo

**Naskiĝoj**

Al Ge-sroj Balkányi, Ĉefdelegito de UEA fileto Georgo, 31.X.1929.

*** Al Ge-sroj John Merchant, Prezidanto de la Internacia Centra Komitato naskiĝis filo. (Koran bondeziron. Red.)

**Fianĉiĝoj**

*** S-ro Marcel Lévy, Delegito en St. Mihiel, Meuse, kun F-ino Thérèse Job en Luneville.

**Edziĝoj**

*** S-ro Arthur Engemann, Membro de UEA kun F-ino Grete Neumann, ambaŭ en Görlitz, German.

*** S-ro Mehmed Arnautoviĉ, Kadastra oficisto, en Bos. Krupa, Jugoslavio kun F-ino Zineta Ŝehiĉ el Bos. Petrovas, 20.X.1929.

*** S-ro Armando Mazzariol, Ano de UEA 20984 kun Samideanino Forti.

*** F-ino Clara Bonato, Anino 20982 kun S-ro Inĝ. Leo Sorteni.

*** F-ino Maja Moudrá, instruistino en Praha kun S-ro Jan Hermonsky el Brno, Ĉeĥoslovakio.

*** S-ro Rudolf Jochmann, VD de UEA en Langenau, Ĉeĥoslov., kun F-ino Dafinka Spasova el Rakitova, Suda Bulgario.

*** S-ro Johano Uberti kaj F-ino Toska Zerbato ambaŭ en Verona.

*** S-ro Max Liniger, Delegito de UEA en Bern kun F-ino Frieda Gander, 1. Nov. 1929.

**Honorigo**

S-ro D-ro *Vince Tóth*, Budapest, malnivo esperantisto estis nomita polica kapitano.

D-ro *Joaquin Gómez Pola* el Ceuta estis nomita Komuna Doktoro kaj Membro de la urbestraro de la tipega araba urbo Xauen (Hispana Maroko).

S-ro *Lorenco Minio*, Ano de la grupo en Venezia akiris la gradon de Filozofia doktoro ĉe la Padova Universitato.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Bedrich Tittl, Delegito de UEA en Spálené Porici, Ĉeĥoslov.

S-ro Fredéric Portabella, MA 29961 en Antverpeno.

S-ro J. Parkinson, sekretario de la grupo en Accrington, 18. Oktobro 1929.

S-ro Georg Erben, delegito de UEA en Georgswalde, Ĉeĥoslovakio mortis en esperplena aĝo de 23 jaroj sekve de komalsano la 3-an de Oktobro 1929. Fariĝinte esperantisto kiel 17jara junulo, li ekkonis la gravecon de nia lingvo laborante senlace en niaj vicoj. Homamo, bonkoreco, delikata en la vasta ĉirkaŭaĵo. Funebras la gepatroj por unusola filo, funebras lia fianĉino, nia samideanino, funebras la esperantistaro karaktero havigis al li simpatiojn de multenombraj samideanoj tin koninta, funebras la teritoria oficejo en Ĉeĥoslovakio, perdinte fidelan kaj energian kunlaboranton.



Amiko kara, la tero estu malpeza al Vi!

S-ro Alphonse Carles, DM kaj Delegito de UEA en Béziers, Hérault, Francujo. Pro reveno de la gazeto ni sciiĝis pri la morto de nia honora membro, kunfondinto de UEA. Ne ricevinte precizan informon ni dankus se el la legantaro oni volus nin informi. Skribinte al la sola membro en tiu loko pri detaloj ni ne ricevis respondon ĝis nun.

S-ro Georgeo Manĉev, prokuroro de Sevlieva tribunalo, akcidente 23 Oktobro 1929. Lia bona karaktero postlasas neforgeseblan memoron en la loka grupo de Sevlievo, Bulgarujo.

† Prof. Baudoin de Courtenay

Esperanto perdis unu el siaj plej eminentaj adeptoj kaj amikoj, Profesoron Baudoin de Courtenay, la faman polan lingviston. Naskiĝinta en 1845 apud Varsovio li baldaŭ rimarkiĝis kiel studento kaj fariĝis speciala esploranto de slavaj lingvoj.

Kiam Esperanto suferis sufiĉe gravan krizon pro la ekapero de Ido en 1907, Profesoro Baudoin de Courtenay publike eksiĝis el la tiam fama « Delegacia komisiono » kaj klarigis sian vidpunkton per admirinda letero, aperinta en « Pola Esperantisto » Junio 1908 kaj represita en la IIa volumo de la « Historio de Esperanto » de D-ro Privat (paĝo 63).

En ĝi li montris la grandan superecon de Esperanto kaj konkludis per tiu trafa rimarko: « Post la volapukistoj ĝuste la esperantistoj realigis la ideon de lingvo internacia en vastaj dimensioj kaj enkorpigis ĝin en formojn daŭrajn kaj akceptitajn de granda parto de la inteligenta homaro. »

Li povis konstati kun plezuro, ke tio estas ankoraŭ eĉ pli vera dudek du jarojn poste kaj ke la krizo pasis kaj Ido preskaŭ malaperis, dum Esperanto riĉiĝas kaj disvastiĝas per vivo.

Estinte eminenta profesoro en Peterburga universitato, Profesoro Baudoin de Courtenay havis la ĝojon reveni al sia patrujo reviviĝinta kaj instrui en ĝia ĉefurbo. Al lia familio kaj al la pola nacio, kiu perdas unu el siaj plej puraj lumoj, ni esprimas profundan simpation.

S-ino Marie Hankel, Dresden. Preparinte tiun numeron por la definitiva presado ni sciiĝis pri la forpaso de altŝatata sinjorino Hankel, 15.XII.29. Ni informos la legantaron en la Februara numero.

*Sinceran kunsenton!*

## Esperanta




## Programo

de la Komisiono por Radio-Statistiko, Komisiita de I.C.K. Kunmetita de J.Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben N-L, Germ.

*La tempo estas tiu de Meza Europo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua.

*Mallongigoj* : K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov. = Novajoj.

DIMANĈO

10.00. — *Eskilstuna*, 246 m., Par.: A. Agren. — 30 min.

LUNDO

19.15. — *Bruxelles*, 509 m. Par.: D-ro Kempeneers. — K. — 15 min.

20.30. — *Lille*, P.T.T., Nord. 265 m., Par.: A. Trottin. — Esplorado de la Gramatiko kun komentarioj. — 30 min.

MARDO

19.00. — *Bern*, 403 m., Par.: J. Schmid. — K. — 30 min.

19.25. — *Huizen*, 1.875 m., Par.: P. Heilker. — N. — 15 min.

21.00. — *Torino*, 275,2 m. Par.: D-ro Canuto. — K. — 30 min.

MERKREDO

18.45. — *Wien*, 516,3 m., Graz, Innsbruck, Klagenfurt, Linz, Salzburg. — Par.: W. Smital. — 10 min.

19.15. — *Bruxelles*, 508,50. — K. — 15 min.

20.30. — *Moskvo*, 938 m. — Koncertoj kun klarigo en E.

JAŬDO

19.30. — *Paris T.T.T.*, 447 m. N.

20.00. — *Ljubljana*, 572 m., Anoncado de la programo kaj de la paŭzoj en Esperanto. — 120 min.

20.30. — *Lyon-la Doua*, 466 m., Par.: G. Pouchot — K. — 15 min.

20.35. — *Kaunas*, 1.935 m. — Par.: J. Kutra. — 20 min.

22.30. — *Moskvo*, 511 m. — Par.: V. Javoronkov. — K.

VENDREDO

18.05. — *Leipzig*, 259 m., Dresden. — Par.: Prof. D-ro Dietterle, El literaturo kaj movado. — 10 min. — Ĉiun duan vendredon. Interrompita. Rekomenco 10.I.30.

20.00. — *Tallinn*, 296 m., Tartu. — N. pri Estonio kaj Esp. Movado. — 10 min.

20.15. — *Genève*, 760 m. — Par.: P. Bouvier: K. — 10 min.

20.25. — *Minsk*, 700 m., Par.: D. Snejko. — 30 min.

22.30. — *Leningrad*, 1.000 m., Par.: Urban. — N.

SABATO

16.10. — *Huizen*, 1.875 m., Par.: P. Heilker. — K. — 30 min.

18.30. — *Ljubljana*, 572 m. — K. — 30 min.

19.00. — *Königsberg*, 276 m., Danzig. — P. — 5 min.

19.18. — *Zürich*, 459,4 m. — Par.: R. Unger. — K. — 17 min.

20.15. — *Lyon-la-Doua*, 466 m. — Par.: G. Pouchot aŭ E. Borel: N. — P. — 10 min.

20.30. — *Moskvo*, 938 m. — Koncertoj kun klarigo en E.

23.15. — *Bruxelles*, 508,5 m. — P. — 5 min.

### Neregulaj dissendoj

*Odessa*, 411 m. — Par.: N. Ĥolm. K. kaj N. — 20 min. Ĉiumonate la 3a, 8a, 13a, 18a, 23a kaj 28a tago. 20.30 h. MET.

### Peto

*Samideanoj.* — Aŭskultu la esp. dissendojn.
*Parolantoj.* — Parolu malrapide, tre malrapide.

### Samideanoj en ĉiuj landoj

La Radio-kurso de la okcident-germanaj radiostacioj, Langenberg, Aachen, Köln, Münster, baldaŭ finiĝos. Tial ni korege petas vin skribi nacilingve (ne en Esperanto) ke vi deziras daŭrigon de la sendaĵoj. Nur se vi skribas multnombre ni atingos nian celon. Montru la ardan Zamenhofan spiriton, skribu. Adreso: Westdeutscher Rundfunk, Köln am Rhein, Funkhaus.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ;* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM=*poŝtmarkoj.* bfl=*poŝtmarkoj sur bildflanko.* k.ĉ.l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Alma, Mich.* (Usono). — S-ro Pastro Charles D. Brokenshire, P. O. Box 56, L., PI., k.ĉ.l. Rapide respondos, angle, france, germane, hispane, itale, esperante, latine.

*Ametlla de Merola por Manresa* (Hispanujo). — S-ro Gabriel Cardona, L., PI., k.ĉ.l. pri ĉiaj temoj.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro M. Pach, poŝtoficisto, Perlakstraat 3 A, PI nur bildoj de poŝtoficejoj, bfl.

*Bad Tölz* (German.). — S-ro Josef Bauer, Delegito de UEA, Marktstrasse 33, L, PI, kun financoficistoj kaj ruĝkrucanoj pri ĉiaj temoj kaj k.ĉ.l. Certe respondos.

*Bad Warmbrunn* (German.). — S-ro Paul Bröther, Seitenweg 7, serĉas korespondantojn dum la vintro per PI, L., k.ĉ.l. Petas pardonon pro nerespondo dum pasinta somero.

*Bad Warmbrunn* (German.). — S-ro Georg Kaplan, Hermsdorferstr. 60, PI., L., Fot-aĵoj, k.ĉ.l. Ĉiam respondos.

*Bakov nad Jizerou* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Rudolf Buzek, PI ĉiam respondas.

*Banfield F.C.* 5 (Argentino). — S-ro José Catala, Uriarte 434, salutas siajn gekorespondantojn kaj deziras denove korespondi per PI, PK. Ĉiam respondas.

*Berchem-Antverpeno* (Belgujo). — S-ro Daniel Gené, 27-jara instruisto, Statiestraat 53, deziras korispondi k.ĉ.l. L., PI., bfl., pri ĉiuj temoj, escepte lernejaj aferoj. Nepre respondos.

*Berehovo* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Frant. Ŝmíd, poŝtoficisto, L, PI, k.ĉ.l. Tuj kaj certe respondas.

*Borkendorf* (German. Kreis Neisse). — S-ro Franz Buchmann, fraŭlo interŝanĝon de pensoj ankaŭ kun sinjorinoj. PK. L. Ŝakludanto.

*Bornhem* (Belg.). —S-ro Jozef Muys, advokato, PI., L., k.ĉ.l. pri ĉiaj temoj, precipe pri naciecaj problemoj de subpremitaj popoloj kaj ilia restarigo. Certe respondos.

*Budapest VI.* — S-ro Frederiko Barta, Sziv u. 35-III, L, PI., k.ĉ.l.

*Como* (Italia). — Seriozaj gesamideanoj de Como deziras korespondi kun gesamideanoj de ĉiuj landoj. Certe respondos. Skribu al: Pierino Castiglioni, Delegito kaj MS de UEA, Via Vittorio Emanuele 28.

*Ceske Budejovice* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jan Rathay, 21 jara universitatano Jeronymova ul. 1, serĉas seriozan kaj daŭran korespondadon L., PI., pri lando, arto, popolkutimoj k.s. nur kun Hispanujo. Certe respondos.

*Česká Skalice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Odon Horák, del. de UEA, L, PI, bfl, PM (laŭ Yvert 1929) fotojn k.ĉ.l. Nur kun seriozuloj.

*Dvoriste p. Nové okr. Vysoké Myto* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Fr. Ferina, instruisto nur PI.

*Forsbach bei Köln* (German.). — F-ino Charlotte Mielau, L., PI., kun anglaj kaj francaj samideanoj, Esp., Angle kaj France.

*Gerona* (Hispanio). — S-ro José Bargés, Instruisto, Escola Pia, 2. PM., k.ĉ.l. krom: Germanio, Francio, Anglio kaj Aŭstrio.

*Görlitz* (German., Schlesien). — F-ino Friedel Baersch, Pontestrasse 9, PI., L.

*Graz* (Aŭstrio). — S-ro Hubert Reinisch, Grazbachgasse 11-1, L., PI., bfl. ankaŭ kun transmaraj landoj.

*Greenfield*, Indiana (U.S.A.). — S-ro Howard P. French, 231 Walnut Street PI., bfl., k.ĉ.l. Respondas rapide.

*Helsingborg* (Sved.). — S-ro Gustav L. Persson, fervojisto, S.J. Kungsgatan 18. PI.

*Holeŝov* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Stanislas Bednarik, Dlazánki 17, L., PI. Ĉiam respondos.

*Holeŝov*. — S-ro Jan Hluŝtik, horloĝisto, Námesti 31, L., PI.

*Holeŝov*. — S-ro Jaroslav Hanuŝ, studento, PM., l., PI., bfl., k.ĉ.l. Ĉiam respondos.

*Holeŝov*. — S-ro Josef Navrátil, Nova Ul. 4, L., PI.

*Holeŝov*. — S-ro Prof. Fr. Ruziĉka, Nova Ul. 23, P. kun bildoj de malnovaj kaj nunaj pentristoj famaj. L., PI.

*Iisalmo* (Finnlando). — S-ro Arvo Lehto, Kärkkäinen kaj Putkonen O/Y. L., PI., k.ĉ.l.

*Jiĉin* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Jiricka, profesoro de natursciencо, botaniko, mineralogio, geografio kej fiziko PI., PM aĉetas aŭ interŝanĝas lignogravuraĵojn kaj bibliofilajn librojn. Ĉiam tuj respondas.

*Kandava* (Latvolando). — S-ro E. Slakters, en Ŝtempelmuiza. PM.

*Kioto* (Japanio). — S-ro Takeo Karakaŭa, Goshodancho 6, Shishigatani, PM., PI., Esp. Insignon, k.ĉ.l.

*Kioto* (Japanio). — S-ro Togoro Kanzaki, Denkikioku (Electrical Bureau) Teramachi Oike, elektrikajn dokumentojn aŭ diagramojn, k.ĉ.l.

*Kolín nad Labem* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Lad. Soukup, Drozdárna. PI., L., k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*London N.* 22. — S-ro Samuel Denton, 42 Nightingale Road, Wood Green, por « New Southgate » InterNi Grupo, PK., leterojn kaj propagandilojn por ekspozicio okazanta Jan. 1930.

*Lwów* 15 (Pollando). — S-ro R. Loster, Blonie Janowski 29, PM.

*Mainz* (German.). — S-ro Peter Becker, Delegito de UEA, Augustinerstr. 58, PM. Sed ne bagatelaĵojn. Certe resp.

*Malko-Tirnovo* (Bulgar.). — S-ro Kiril G. Profilov, oficisto, str. Ĉorbaĝi, 638 ur., Delegito de UEA, 25 jara, L., PK., PI., fot-aĵo, pri abstineco, kooperativismo, turismo, vegetarismo, kristianismo, temo « ĉiuj homoj estas fratoj », filozofio, kulturo, scienco, tekniko, k.t.p., k.ĉ.l. Preferas Svislandon kaj Francujon, kiujn landojn mi intencas viziti 1930.

*Melbourne* (Aŭstralio). — S-ro P. Holmes, 212 Noone Street, Clifton Hill, PI., L., k.ĉ.l. pri ĉiuj temoj precipe elektraj kaj senfadenaj aferoj. Nepre respondos.

*Moll* (Belgujo). — F-ino Antoinette Vermeerbergen, staciestr. 79. L., PI., k.ĉ.l.

*Moravská Nová Ves* 465 (Ĉeĥoslovakio). — S-ro František Krutáh, del. de UEA, 23 jara, PI., L., Gaz. il., bfl. kun ekstere eŭropanoj. Certe tuj respondos.

*Moskvo* (U.S.S.R.). — S-ro Nikol. Nik. Schaschkin, Poste Restante, 9 poŝt. otdelen. Tverkaja 17, PI., PM., prefere insulaj kaj koloniaj.

*Narva* (Estonio). — F-ino Ellen Vee, Posti t. 62, PI., L.

*Oradea* (Rumanio). — S-ro H. Magyari, oficisto Phoebus S. A., Piataiosia, PM., nur kun Hungarujo, Aŭstrio, Francujo, Saar, Belgujo, Finnlando, Polujo laŭ Senf 1930. Nur registritaj sendaĵoj garantiataj.

*Orlová 221 ve Slezsku* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Ŝtefano Daniŝ, PI., L., k.ĉ.l. precipe kun fraŭlinoj. Respondo garantiata.

*Oviedo* (Hispanujo). — S-ro Antonio Jiménez Mora, Infanteria Komandanto kaj Delegito de UEA. PI., bfl., nunaj PM (nur nunaj). Ĉeĥoslovakoj, bonvolu ne sendi centope.

*Praha-Straŝnice* 94 (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Karel Straka PM nur en rekomenditaj leteroj antaŭsenditaj de fidindaj seriozuloj. PI kun ne-eŭropanoj, ĥinoj kaj insulanoj. Ankaŭ Esp. Gaz. Respondos certe.

*Praha-Straŝnice* 94 (Ĉeĥoslovakio). — F-ino Zdena Syĉkova, PI kun ne-eŭropanoj precipe kun esperantistoj el Usono, Kanado, Brazilo kaj insulanoj. Certe respondos.

*Ranum* (Danlando). — S-ro Anker Nilsson, Seminario, PI.

*Salonta* (Ruman.). — S-ro Ludoviko Orendy, Oal Horia 5, 19 jara horloĝisto kaj juvelisto deziras daŭran korespondadon pri ĉiuj temoj, k.ĉ.l. Krome PI., bfl., PK., PM., gaz. ilustr. Interŝanĝas rumanajn jubileajn PM. Respondo garantiata.

*Schaiba* 49 *b. Haida* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Richard John, bankoficisto. PI., k.ĉ.l. Nepre respondas.

*Tampico* (Mexico). — S-ino Mathilde J. de Guerra, L precipe kun gesamideanoj en Eŭropo.

*Tampico* (Mexico). — S-ro Ernesto E. Guerra, L. kun sinjorinoj kaj fraŭlinoj kapablaj kulturi amikecon longtempe kaj sinjoroj kiuj ne estu kolektantoj aŭ funebraĵistoj. Prefere Eŭropanoj.

*Tempeh O/L* (Javo, Via Loemadjang). — S-ro Ong Thian Tong, L., PI., esperante aŭ angle nur kun ĉinaj gesinjoroj aŭ gefraŭloj en Ĉinujo. Certe respondos.

*Trieste* (Italio). — S-ro Antonio Cosma, Via Angelo Emo 11, PM laŭ Yvert.

*Velky Osek* 169 (Ĉeĥoslov.). — S-ro Jan Janda, del. de UEA, serĉas korespondadon por siaj gekursanoj, seriozaj personoj, instruistoj, oficistoj, studentoj, gejunuloj.

*Vught* (Nederlando). — S-ino G. van Heeswijk, B. 1. Kloostedstraat, PM.

*Weisenau-Mainz* (German). — S-ro Jakob Seyfried, Bauerngasse 13, PI., PM. Nepre respondos.

*Zwolle* (Nederlando). — S-ro M.-M. Schouten, Korte Kamberstraat 31, antaŭe v. Ittersumstraat 50, petas noti la novan adreson; serĉas korespondantojn ĉiulandajn. Nepre resp.

# Petoj kaj Proponoj

INTERNACIA KOMERCO

*Adresŝanĝo.* — Petro Stojan, estro de la Bibliografia Servo de UEA sciigas sian novan Adreson: Etienne Dumont 9, Genève, Svislando.

*Filatelistoj.* — Vendas PM, servajn aerajn, bonfarajn, PK maŝinstampaĵojn papermonon. S-ro K. Riess, Laŭingen, Clemensstrasse 6, Bavario, German.

*Korespondantoj kaj filatelistoj* el tuta mondo estas serĉataj por niaj 36' gekursanoj 18-26 jaraj. Adreso: La informanto, Brandys n.L., Ĉeĥoslovakio.

*Lanŝtofo.* — S-ro G. Saget, Delegito de UEA, 4, Rue St-Jacques, Elbeuf-sur-Seine, Francujo, entreprenis studon pri: La fabrikado de lanaj drapoj por gesinjoraj vestoj aŭ surtutoj, en la tuta mondo. Li deziras ricevi, helpe de kolegoj-ĥemiistoj aŭ delegitoj, liston de la plej gravaj lanŝtoffabrikejoj kun nombro de laboristoj kaj kemiistoj, nomon de la ĉefaj ŝtofoj fabrikataj, kaj, se eble, peceton aŭ specimeneton de la specialaĵoj. Tiu studado utiliĝos kiel temo por grava verko kaj paroladoj dum teknikaj kongresoj. Ĝi certe helpos ankaŭ al la disvastigado de E. ĉe la industriaj kaj komercaj rondoj. S-ro Saget repagos volonte la faritajn elspezojn. (Represo en aliaj E. gazetoj plezure permesata.)

*Lignokomercistoj atentu.* — Mi liveras ĉiuspecajn konstru kaj hejtlignon rekte el grandarbaroj de Slovakujo laŭ ĉiu kvanto. Ofertojn petu de Aleksandro Ringwald, Panenská ul. 7, Bratislava, Ĉeĥoslovakio.

*Numismatiko.* — Por numismatoj mi povas liveri: la arĝentan aŭ oran « Zeppelin-Eckener » honormedalon, stampitan en la ŝtata monfarejo Berlino, kaj plie aliajn novaĵon numismatajn. Plej malalta prezo. Skribu al P. H. Herrmann, Kottmeierstrasse 3, Potsdam, German. (Delegito de UEA.)

*Okupo serĉata.* — Eksterlanda esperantisto sciante kelkajn lingvojn serĉas iun ajn okupon ĉe svisaj esperantistoj. Respondon sub 32600 al la redakcio.

*Poŝtmarkoj.* — Kiu sendos al mi 50 aŭ 100 poŝtmarkojn, eble diversaj el sia lando ricevos interesan esperantaĵon. Interŝanĝas kun ĉiuj landoj. Deziras ĉiam interŝanĝi flugpoŝtleterojn aŭ PM. F-ino Rozina Schmidt, Ahornallée 6, Breslau, German.

*Poŝtmarkoj.* — S-ro H. J. Tuinder, Delegito de UEA, Kemoeningweg 38, Soerabaya, Nederlanda Indio, PM k.ĉ.l. Ne sendas unue. Certe rekompencos per sama kvanto aŭ valoro.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT: A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE